XXIIIa jaro. No 318 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENEVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO



## Ĉe la sojlo de nia jubileo.

Esperanto festos en Danzig sian kvardekjaran jubileon. Kio vivigis, kreskigis kaj savis la lingvon el ĉiaj krizoj, tio estas la fakto, ke la esperantistoj ne nur propagandis, sed ankaŭ uzis ĝin. En 1908 Hodler kaj Rousseau fondis UEA kiel internacian organizon de la Esperanto-uzantoj kontraŭstarantan al la internacia malordo de la lingvo-disputantoj. Neniam oni tro laŭdos la meriton de ilia iniciato, metinta la Esperanto-movadon sur la ĝustan relon, kiu ĝin gvidis al konstanta progresado.

Nun tiu organizo fariĝis granda. Elekto de delegitoj en pli ol mil lokoj, kontrolo de iliaj povoj, organizo de ilia sindona servado, kunverkado de la dika jarlibro, ŝanĝoj de miloj da adresoj, ĉio nomita postulas akuratan laboron en Centra Oficejo kaj taŭgan personaron. Se temus nur pri eldono de monata gazeto, UEA povus vivi multe pli simple kaj facile. La ĉefa zorgo estas la vasta arenea teksaĵo kaj la ŝlosila jarlibro.

Por ke la tuta afero marŝu regule kaj funkciu sen deficitoj, ni ĉiam kalkulis, ke 10000 anoj estas bezonataj. Ĉiu plia nombro alportus rektan profiton al propagandaj celoj, sed ĝis la dekmilo la subteno estas necesa por funkciigi la centran maŝinaron ŝpareme, sed efike.

En 1925 UEA atingis 9500 kaj ni antaŭĝojis pri la baldaŭa normaligo de la funkciado. En 1926 la granda krizo de senlaboreco perdigis okcent membrojn kaj nia direktoro havas denovan maltrankvilon. Eĉ rompante al si la kapon, oni ne povas eltrovi ŝparojn pli ol ĝis certa limo. Estas iom malkuraĝige, resti sub konstanta minaco pro mil pliaj aŭ malpliaj aliĝoj. La esperantistaro farus al si mem grandan servon, se ĝi definitive fermus la pordon al tiu danĝero kaj igus la nombron dekmil ne atakeblan. Ĉar bedaŭrinde du- aŭ trimil anoj ŝanĝiĝas ĉiujare, necesus, ke tiuj ĉi venantoj kaj irantoj staru krom la dekmilo, por ke la necerta elemento ne endanĝerigu la certan.

Ni scias ja tre bone, ke la nombro de la neorganizitaj esperantistoj estas oble pli vasta ol tiu de la kotizantaj. Ni scias ankaŭ, ke la kvanto da kurslernantoj estas tre granda ĉiujare. Estas tute kompreneble, ke ne ĉiuj deziras fari eĉ ian ofereton por subteni lingvon ĵus lernitan, kvankam tio estus nur saĝa. Sed la kursgvidantoj devus klarigi al ili, ke domaĝe estas studi lingvon kaj ne ĝin utiligi poste.

Nu la jarlibro estas la uza komplemento de la gramatika ŝlosileto. Estus facile por UEA, akiri brilajn financojn, se ĝi rezignus je la tuta servorganizo kaj jarlibro konservante nur gazeton. Al tio ĝi devus iam veni, se la esperantistaro preferus. Sed ni ne povas preni respondecon proponi tiel gravan paŝon ne antaŭe demandinte la esperantistaron, ĉu ĝi efektive tion deziras kaj ĉu ĝi opinias, ke la tuta uza organizo estas superflua.

Ni malfermas pri tio ĝeneralan plebisciton de la esperantistoj. Ili voĉdonu per simpla aliĝo aŭ nealiĝo al UEA. Se la necesa nombro troviĝos en 1927, ni komprenos, ke la esperantistaro deziras konservi sian jarlibron kaj uzebligan organizon. Se ne, ni tiros la negativan konkludon kaj proponos al la komitato de UEA kontentiĝi per simpla gazetabonado kaj balotigi novan statuton.

Ni do alvokas al ĉiuj, kiuj deziras la daŭrigon de la jarlibra sistemo, ke ili varbu pozitivajn respondojn al la plebiscito havigante novajn aliĝojn. La jubilea jaro decidos pri la formo de nia estonta labormetodo.

*Edmond Privat*

**Legu sur la dua paĝo la programon de la Praha Konferenco kaj oficialan kunvokon de C. K., K. R. kaj UEA al komuna kunsido je Pasko!**

# La Paska Konferenco en Praha.

**K. R. kaj Komitato de UEA estas oficiale kunvokataj je komuna kunsido kun I. C. K. sabaton, 16 Aprilo, je la 9 h. matene, en Praha. Ĉiuj naciaj societoj bonvolu nepre sendi reprezentanton al tiu grava kunveno kaj averti I. C. K. per letero al Genève. Detaloj en aparta cirkulero rekta.**

◆

## Programo de la Paceduka Konferenco

oficiale kunvokita de l' Internacia Oficejo de Edukado.

Sabaton, 16 Aprilo: Proklamo de l' paco de per la ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco en Parlamentejo.

Lundon, 18 Aprilo matene: Malfermo. Elekto de l' estraro.

(PSIKOLOGIO) *La paceduka problemo sur la psikologia kampo.* Prof. D-ro Pierre Bovet, Genève.

*Scienca Studo pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de l' infanoj.* D. A. Prescott, Harvard.

*Enketo pri la sentoj de l' infanoj.* Rudolf Fridrich, prof., gimnazio Brno.

*Paceduko per lernolibroj pri natura scienco.* D-ro Kamaryt, prof., gimnazio Bratislava.

Lundon posttagmeze:

(INSTRUADO) *Lernolibroj pri Historio* (enketo de la Carnegia Fondaĵo).

*Instruo pri Ligo de Nacioj.* L. Kronenberg, prof., gimnazio, Pollando.

*Konstruaj klopodoj.* Prof. Casimir, Hago.

Lundon vespere: Publika kunveno.

Mardon, 19 Aprilo, matene:

(EDUKADO) Edukaj rimedoj: *lerneja aŭtonomio, memregado de l' infanoj, arbitracio inter kaj de per ili, respekto de gentaj kaj religiaj malplimultoj.* Spertoj faritaj en Kimrujo. (Rer. G. Davies.)

*Interlerneja korespondado* (spertoj de la ĉeĥoslovaka Ruĝa Kruco)

a) *per fremdaj lingvoj,* S-ro Bauer,

b) *per Esperanto,* S-roj Neuzil kaj Haan.

*Internaciaj infankampoj kaj interŝanĝoj.*

Mardon posttagmeze: Komisionaj kunsidoj pri rezolucioj.

Mardon vespere: Publika Ferma Kunsido.

---

## Alvoko al ĉiuj edukistoj kaj patrinoj.

La oficiala kunvoka cirkulero de la Internacia Oficejo de Edukado vekis intereson en ĉiuj pedagogiaj rondoj de la mondo. El Usono, Anglujo, Nederlando venis multaj informpetoj de gravaj societoj kaj anonciĝis eminentaj partoprenoj ĉefe ekster la esperantista rondo. Ĝis nun ni ricevis ankoraŭ ne sufiĉe da respondoj el esperantistaj. Ni urĝe alvokas ĉiujn niajn grupojn priparoli la aferon kaj interesi instruistojn kaj ankaŭ pensemajn gepatrojn avertante nin pri eblaj partoprenoj. Patrinoj ne devus forgesi kiom terura estas milito. *Ĉu vi deziras, ke oni eduku viajn infanojn al celo pli homa ol reciproka buĉado? Ĉu vi deziras, ke la lingvo de Zamenhof servu al utila konsiliĝado pri tio?* Se jes, aliĝu tuj, venu al Praha, aŭ monhelpu la vojaĝon de alia! La okazo estas grava. Ne lasu ĝin preterpasi!

---

## Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj.

La estraro de TAGE kunvokas ĝeneralan kunvenon al Praha, okazantan samtempe kun la konferenco.

# La Jubilea Dato 1887-1927.

☆

Ni jam ĉiuj scias, ke en la jaro 1927 okazas kvardekjara jubileo de Esperanto. Nature, multaj grupoj kaj gazetoj deziros havi la precizan daton, por fiksi tagon de la soleno, aŭ almenaŭ la monaton. Tial ni opiniis utila doni al niaj legantoj jenan esploreton pri la dato de la jubileo. En Marta N-ro, 1907, de la revuo „Tra la Mondo" ni trovas artikolon de A. Montrosier pri la „Dudeka Jubileo de Esperanto", en kiu ni vidas plurajn datojn, kiuj povus servi por la jubileo. La artikolo insistas pri la dato „21-a de Julio 1887" kiu rilatas al la cenzura permeso presigi la unuan libreton de Esperanto. Tiun daton de la „oficiala naskiĝo" de Esperanto proponis S-roj Tabenski, Otto Simon kaj Montrosier kiel daton de la Dudekjara Jubileo kaj samtempe de la internacia esperantista festo.

Ni devas alporti kelkajn korektojn kaj komuniki kelkajn faktojn, kiuj devigas nin malakcepti tiun daton. Unue la dato „21-a de Julio" ne estas la tago de la apero el la presejo, kiel multaj opiniis kaj kiel skribis S-ro Radvan Ripinski en siaj „Skizoj el la Esperantista Historio". Tiu dato estas nur la tago kiam iu oficisto de la Peterburga Cenzura Oficejo metis la stampon „Permesite" sur la manuskripton de D-ro Esperanto (Lazarj Markoviĉ Zamenhof). Nu, por niaj legantoj ni devas klarigi ke inter tiu dato kaj la komenco de la presado forpasis pluraj, eble multaj semajnoj, ĉar la burokrata proceduro tiutempa estis longa, la nombro de permesataj manuskriptoj estis grandega (la tuta imperio estis servata de unu sola cenzura oficejo), la laboro de la oficeja enregistrado, kopiado, stampado, subskribado ktp. estis malrapidega. Do, la plej frua ebla momento de la ekpreso povis okazi nur en Aŭgusto. Aliflanke ni scias, ke en la sama monato (Aŭgusto) D-ro Zamenhof edziĝis kun F-ino Klara Silbernik. Nature, pro la koincido de la du gravaj okazintaĵoj (koincido ne hazarda, sed laŭcirkonstanca, ĉar la patro Silbernik ja havigis monon por la presisto) la progresado de la preslaboro ne povis esti rapida, des pli ke Zamenhof certe oferis grandan atenton al la presprovaĵoj. Ni ne scias la daton, kiam aperis el presejo la unua libreto, sed ni povas nur akcepti la vortojn de Zamenhof mem kiu dufoje skribis en la gazeto „Esperantisto" ke la unua broŝuro estis publikigita *en la fino de la jaro 1887.* Sed de la finpreso ĝis la vera „publikigo", t. e. ĝis la dissendo al la redakcioj, bibliotekoj, privatuloj, pasis ankoraŭ pluraj semajnoj. Do, ni ne estos malproksime de la vero, se ni supozus, ke la unuaj ekzempleroj de la broŝuro atingis la publikon nur en Oktobro, Novembro kaj Decembro. Tial la dato „21-a de Julio" forfalas pro sia netaŭgeco, ĉar ĝi ne reprezentas momenton de la publikigo, nek de la finskribo de la unua broŝuro.

Al ni ŝajnas ke la 40-jara jubileo povas estis tute bone kunigita kun la jam kutima tago de la naskiĝo de nia majstro: *15-a de Decembro.* Ankoraŭ unu cirkonstanco favoras la monaton Decembro kiel la plej konvenan por la solenado. Nome D-ro Zamenhof mem konsideris tre memorinda la daton 27-a de Decembro 1878 „. . . kiam kun entuziasmo neniam atendita, mi kaj kelkaj kungimnazianoj festis ĝin (la lingvon) en Varsovio, antaŭ ol disiĝi". En „Vivo de Zamenhof" de D-ro Privat tiu vespero datas 5-a de Decembro. Tio estis „idea naskiĝo" de nia lingvo, en formo iom alia (Lingwe Universala), kiu daŭre evoluis, kreskis, transformiĝis, por atingi sian definitivan aspekton en 1885, aŭ eĉ 1888 (kiam estis farita la unua kaj lasta reformo: kian-kiam, ktp.). Estas notinde, ke la du necertaj datoj: 5-a kaj 27-a de Decembro, tre bone akordiĝas kun la tute certa: *15-a de Decembro,* tago de la naskiĝo, kiu verŝajne restos la internacia festtago de Esperantismo.

*P. S.*

 EKONOMIO 

# Ni laboru por la eŭropa solidareco.

☆

Sur la ebenaĵo de la provinco „Forez", ĉe la bordoj de la „milde fluanta" rivereto Lignon, staras la simplaj arkitekturaĵoj de sennombraj garbaroj. Grandaj majestaj bovoj tiras ĉarojn, kiuj fleksiĝas sub la pezo de la spikoj. De la najbara farmo la melodia ronkado de draŝmaŝino supreniras kvazaŭ feliĉa himno. La rikolto estas bela kaj oni sin pretigas por ĝoje festi tiun Tagon de l' Greno kiu, ĉiujare, en St. Galmier, meze de l' anakronismo de maŝinoj, motoroj kaj kemiaj sterkoj, vekas la plurjarcente maljunan ĉarmon de pagana kutimo.

Ĉu la grena abundeco venos malpliigi la gravecon de nia ekonomia situacio? Ve! kion signifas nun la rikolto de unu provinco, eĉ de unu lando, por la centoj da milionoj de homoj kiuj atendas sian ĉiutagan panon?

Jam de longe diskrakis la rondo de la fermita ekonomio. La regno de l' maŝinoj specialigis la naciojn kaj sekve ilin riĉigis. Sed ĝi samtempe ligis ilin per nepra ekonomia solidareco. La prospereco de farmo en Beauce dependas de la agemo de la pioniroj en la Kanadaj arbaroj, de la laboro de la sovjetaj kamparanoj, kaj ankoraŭ pli de la kvanto de pluvoj en Aŭstralio aŭ Argentino.

Tiu interdependeco de la nacioj estas la ĉefa fenomeno kiu donas al la nuntempa ekonomio sian distingigan karakteron. Tamen ĝi ankoraŭ ne penetris la konsciencon de la publika opinio. Kiom da homoj bone komprenas ke por plenumi la plej malgravajn agojn de sia ĉiutaga vivo, ili bezonas kunlaboron de la tuta mondo?

La papero sur kiu mi skribas venas el la ligno de norvega arbaro; mia fontplumo estas usona kaj mia inko angla. La draŝmaŝino kies kanto min lulas estas konstruita en Boston. La kitelo de l' mekanikisto estas teksita el kotono kreskinta en Louisiana, la oleo kiu ĝin makulas venas de rumana distilejo, la transiga rimeno estas tranĉita el la haŭto de argentina bovo kaj, tre verŝajne, la briketoj de karbo kies amaso tie kuŝas estas mulditaj en Cardiff.

Tial ni ne povas ne indigni kiam ni aŭdas solene proklami ke Franclando triumfos sur la nunaj malfacilaĵoj per siaj propraj fortoj ĉar la solaj produktaĵoj de sia sojlo sufiĉas por ĝin vivigi. Danĝera legendo estas tiu dogmo de sendependeco. Por sin konvinki pri ĝia kadukeco, sufiĉas memori la perturbojn kaŭzitajn dum la milito de kelkaj germanaj submarŝipoj kiuj vagis tra la senlimaj oceanoj.

Ni restas terkultura lando, ĉar ĉe ni 34% el la loĝantoj ankoraŭ laboras sur la kampoj, kontraŭ 23% en Britlando kaj 18% en Belgio. Sed la produktado de nia hejmo delonge ĉesis sufiĉi por nacia konsumado. Kion diri pri niaj industriaj bezonoj? Sen la germana koakso, nia fera minaĵo el Lorraine, ĉefa elemento de nia riĉeco, troviĝus neutiligebla.

Tiujn principojn oni ne devas forgesi je la momento kiam trudiĝas la granda laboro de ekonomia releviĝo. Tial la horo nin invitas relegi kun la atento, kiun ĝi meritas, la majstran verkon per kiu S-ro Francis Delaisi volis studi nian nunan situacion sur la ventega vojo, sur kiu nin puŝas la sorto. „La Kontraŭecoj de l' Moderna Mondo" tiu nura titolo sufiĉe montras ke la ĉielo estas malhela. La analizoj de S-ro Delaisi estas tiom kuraĝe precizaj, liaj sintezoj estas inspiritaj de tiom vasta kulturo kaj de tiom nobla konscienco, ke ili abrupte malkvietigis la pacon de l' kampoj, en kiun mia animo sin enŝovis.

Sed oni devas respekte aŭskulti la kuraĝajn spiritojn. Jam de tro longe la viroj, kiuj havis la mision konduki nin sur la vojo de la necesaj oferoj, sin limigis je rakontado de dormigaj legendoj. La religio de l' mitoj anstataŭis la ekzamenon de la realaĵoj Malmultaj francoj bone komprenas ke la milito malriĉigis kun perfekta indiferenteco venkintojn kaj venkitojn. Same kiel la milito ne estis kapabla solvi la konfliktojn, kiuj ĵetis la popolojn unu kontraŭ la aliaj, tiel la sola paco ne povas ripari la amasigitajn ruinojn, nek religi la rilatojn abrupte rompitajn.

La internaciaj intersanĝoj kies senĉesa kresko estis la sekvo de la teknika perfektiĝo kaj de la plimultiĝo de la maŝinoj ne estas ankoraŭ restarigitaj. Laŭ la statistikoj de la Internacia Komerca Ĉambro, la sumo de tiuj interŝanĝoj kiu altiĝis je 130 miliardoj de orfrankoj en 1913, falis ĝis 105 miliardoj en 1923, t. e. malpliiĝo de 20%. Tiu malpliiĝo de la interŝanĝoj estas unu el la kaŭzoj de la ekonomia malordo kiu pezas sur la tuta mondo.

Instigitaj de blinda sopiro je la politika sendependeco, la nacioj sin ĉirkaŭis per bariloj.

Je la lumo de la historio, S-ro Delaisi montras kiel „la registaroj, fidelaj al jarcenta tradicio, studis la mondan problemon laŭ vidpunkto rigore nacia kaj kiel ili volis distranĉi la ekonomian unuecon de l' mondo laŭ siaj propraj politikaj konvenoj."

Se ili daŭre iros tiun vojon, ili kondukos nin rapide al novaj katastrofoj. S-ro Painlevé, tiam ĉefministro, ĝin proklamis lastan jaron dum sia parolado en Grenoble: Se mi irus ĝis la fundo de mia penso, li deklaris, mi dirus ke la dek venantaj jaroj devas, aŭ organizi la pacon, aŭ konduki al la plej terura milito la eŭropajn naciojn. Tio estas eventualeco kiun neniu ŝtatisto devus malzorgi se li ne estas krimulo."

Klarvidantaj homoj komprenis tiun neceson organizi la pacon laŭ internacia plano. La raporto de la Komitato de Ekspertizistoj sin inspiris de tiu alta zorgo. En unu el siaj sciencaj raportoj S-ro Lucien Romier, direktoro de la gazeto „Le Figaro", montris kiom grava eraro estas kredi ke la milito estas, eĉ por la potencaj ŝtatoj, bona afero, kaj kia danĝera iluzio estas pensi ke la reveno al la prospereco povas esti realigita per politikaj vojoj. La sola rimedo estas la restarigo de la eŭropa ekonomia solidareco.

La sama ideo iras sian vojon en Germanio. Oni parolas tie pli kaj pli pri starigo de vasta „Zollverein" (doganunuiĝo) kiu kunigus ĉiujn eŭropajn ŝtatojn. Solvo sendube ideala, sed al kiu devas celi ĉiuj bonaj voloj.

Ni progresos sur tiu vojo per la serio da komerco-kontraktoj kun limigita daŭro. Je ĉiu renoviĝo, la koncernaj landoj povos konsenti, por iom post iom malaltigi siajn protektantajn dogantarifojn. „Tiel", diras S-ro Delaisi, „la superfluaj industrioj povos ĉu transformi sian maŝinaron, ĉu amortizi sian kapitalon por senskue malaperi."

Sed efikaj komerco-kontraktoj povas esti farataj nur inter nacioj kies mono bazas sur la ora valoro, aŭ almenaŭ kiuj posedas fiksan valuton. Efektive la valuto-ŝanĝo senĉese modifas la dogan-tarifojn. Eĉ se la pago de la dogan-impostoj devas okazi per ora mono, tamen oni ne fiksas la tarifojn.

La unua paŝo al rebonigita ekonomia situacio estas do la fiksigo de la franca valuto. Estas certe dolora sed nepre necesa faro. Esperu ni ke ĝi baldaŭ realiĝos.

*Charles Touzot*
Ĝenerala Sekretario de la foiro de Lyon.

# Ĉu ni iras al la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo?

Dirante ke la milito postlasis gravajn sociajn kaj ekonomiajn malordojn, oni nenion novan instruas al la aŭdantoj. Internacia Foiro estas tamen tiel bona loko por senti tiujn malordojn, ke io estas dirota.

Ĉiuj nacioj suferis longan krizon, kiu ankoraŭ daŭras. Dank' al la energia laboro kiu sekvis la perditan periodon de la milito, tiu krizo iras pliboniĝante, sed kiom malrapide!

Laŭ sia speciala kondiĉo ĉiu nacio provis rimedojn por malgravigi la efikojn de tiu krizo. Kelkaj serĉis monon per grandskala fabrikado de bankbiletoj; ili sukcesis eviti tiun malfeliĉon: la senlaboreco, sed ili vidis la vivprezon rapide altiĝi; ili vidis la naciajn produktaĵojn forkuri fremdlanden, dum la nacianoj tute ne povis ilin profiti, kaj fine, kiam tiu aventuro ne finiĝis per katastrofo, ili tamen vidis sin devigataj peni kaj penegi por „revalorigi" sian papermonon.

Tiu ĉiama ŝanĝo de la valuto estis dum la lastaj ses aŭ sep jaroj la plej granda zorgo de la komercistoj en ĉiuj landoj. Kiom da dekretoj, kiom da leĝoj senĉese aperis por protekti tiun ĉi industrion, aŭ por faciligi la eksporton de tiu artiklo!

Laŭ la supren- aŭ malsupreniro de la valuto, tiu aŭ tiu ĉi industrio fariĝis konkurencita, aŭ ne, de la fremdaj produktoj, kaj la registaro devis rapide altigi, aŭ malaltigi, la dogantarifojn.

Oni scias kiel abrupte ŝanĝis la valutoj. La dogantarifoj devis sekvi samrapide, kaj ĉiu modifo enkondukita de unu nacio kaŭzis venĝo-ŝanĝojn ĉe la aliaj landoj.

Jam antaŭ la milito tiuj dogan-aferoj estas sufiĉe komplikitaj, sed nun . . . !

Ofte la registaroj devis eĉ tute malpermesi la eniron aŭ eliron de iu produkto. Kiom da perdoj rezultis por la homaro!

Oni nur pensu ke antaŭ du aŭ tri jaroj la tritika rikolto estis tiel abunda en Usono, kaj la eŭropaj protektantaj tarifoj tiel altaj, ke okazis preskaŭ agrikultura katastrofo, ke tunoj da greno estis perditaj, kaj ke sekvantan jaron la kulturistoj devis anstataŭi grandegajn grenkampojn per aliaj kreskaĵoj; kaj oni komparu la prezon de pano en Eŭropo nuntempe!

La sama situacio prezentiĝas nun en Usono pri la kotona rikolto, kaj la teksaĵoj kostas kare en Eŭropo!

Mi ne volas multobligi la ekzemplojn, ĉar tuta jarkolekto de la revuo ne sufiĉus.

Ni prefere ekzamenu kion volas kaj kion faras la Internaciaj Foiroj.

La rapida kresko kaj la speciala karaktero de tiuj Foiroj, preskaŭ nekonataj antaŭ la milito, estas unu aspekto de la kontraŭstaro al la ekonomiaj perfortaĵoj kaj de la penoj por liberiĝi de ĉiuj komercaj baroj kaj malhelpaĵoj.

Nenio montras pli bone la mallogikecon de la nuna monda situacio ol la ekzisto mem de la Internaciaj Foiroj.

Iun jaron, multaj ĉeĥoslovakaj firmoj partoprenis la Foiron de Lyon kaj enskribis multegajn mendojn. Tuj post la fino de la foiro, grava altiĝo de la dogantarifoj malhelpis liveron de tiuj mendoj kaj kaŭzis ĉiuspecajn malkonsentojn inter vendintoj kaj aĉetintoj. Sekvantan jaron, sama afero okazis por la hispanaj aliĝintoj. Alian jaron, en 1924, la komenco de la Foiro koincidis kun grava falo de la franca valuto. Alvenis aro da fremdaj aĉetantoj. Multegajn mendojn. Antaŭ la fino de la foiro, grava kaj tute abrupta resupreniro de la valuto. Perdoj, mendonuligoj, konfliktoj, procesoj, ktp.

Kiel inviti fremdajn firmojn por partopreni Foiron kiam dogantarifoj kaj malaltaj valuto tute malhelpas ke ili realigu iun vendon?

La miopaj ŝtatistoj ĉiam serĉas rimedojn je tiu situacio per novaj protektantaj tarifoj, novaj komercaj aranĝoj kun la fremdaj landoj, ktp. Ili sukcesas nur komplikigi la aferojn.

Ĉu aliaj vojoj estas irotaj? Mi respondas: jes, sen ia hezito. Kaj tute malaj vojoj, cetere.

Ni iomete konsideru la mirigan prosperecon, la egan riĉecon kiun atingis Usono.

Tiun prosperecon, diras S-ro Delaisi, membro de la franca delegitaro al la lasta Paneŭropa Kongreso, unu el la plej eminentaj ekonomiistoj de nia tempo, Usono ne ŝuldas al la supereco de sia industria maŝinaro, nek al la talento de siaj teknikistoj, sed pli ĝuste al la fakto ke ĉiuj ŝtatoj de la Unuiĝo, kvankam konservante politikan kaj administran aŭtonomecon, tamen vivas sub reĝimo de perfekta unueco rilate al mono, transportoj kaj dogantarifoj. Varoj, kapitalo kaj personoj libere vagas tute ne atentante la politikajn limojn de la ŝtatoj. Sekve de tiuj kondiĉoj, ĉiu agrikultura, komerca, industria aŭ financa entrepreno, ĉu situita en Massachusetts, en Nebraska aŭ Texas, havas eblan aĉetantaron de 110 milionoj da personoj. Se ĝi estas bone direktata, ĝi povas kvazaŭ senfine kreskigi sian produktadon, modernigi sian ilaron, malaltiĝi siajn prezojn.

Kontraŭe, en Eŭropo ni vivas sub tute alia koncepto: ĉiu industrio povas vendi altpreze en sia propra lando, ĉar ĝi ne timas fremdan konkurencon, sekve kara vivo, ĝi samtempe provas starigi plej malaltajn prezojn je la eksporto, por konkeri la fremdajn merkatojn kaj kelkafoje eĉ vendas kun perdo, kun nura espero pri eblaj venontaj profitoj.

Supozu nun Eŭropon konstruita sur sama modelo: neniu dogano inter la ŝtatoj, unuigo de la transporto-tarifoj, revalorigo de ĉiuj monoj laŭ la ora valoro, kaj „last but not least", unu sola internacia lingvo, ekzistanta flanke de la netuŝeblaj naciaj lingvoj, por faciligi la internaciajn rilatojn.

Ĉiu firmo, ĉu dana, ĉu germana, ĉu itala, ĉu franca, havus eblan merkaton de 250 milionoj da loĝantoj de sama raso, sama kulturo, samaj bezonoj.

„Revo, neeblaĵo, utopio!", ekkrios la sciencoplenaj ekonomiistoj kiuj kapablas skribi dikegajn maldigestigajn librojn pri iu ajn komerca aŭ financa temo, sed absolute nenion komprenas je la vera aspekto de la problemo.

Kial revo? Ĉu tuja forigo de la doganoj vere okazigos la katastrofojn kiujn oni bonvolas al ni profeti? Ĉu tiom da industrioj estos ruinigataj, tiom da laboristoj senlaborigataj?

Ni ne perdiĝu en nubaj spekulacioj. La historio donas al ni plej riĉan studokampon.

Antaŭ la granda franca revolucio en 1789, ĉiuj francaj provincoj estis preskaŭ apartaj ŝtatoj, dividitaj de ĉiuspecaj baroj kaj limoj. Komercaĵoj, por pasi de unu provinco al alia, devis pagi plej diversajn impostojn kaj doganaĵojn.

La revolucio ĉion tion detruis. Ĉu rezultis ruiniĝo de Franclando? Ĉu oni iam poste revidis la grandajn malsategojn, kiuj tiel ofte antaŭe amase mortigis la loĝantojn de kelkaj provincoj, dum la najbaraj provincoj havis rikoltojn pli ol sufiĉajn por sia propra konsumado?

Ne, ne! nur bono, nur kresko de la produktado kaj malkariĝo de la vivo povus rezulti de forigo de ĉiuj doganoj kaj de vera ekonomia eŭropa unuiĝo.

Cetere tiu ideala situacio povas esti atingita per alia vojo ol tuja kaj nepra nuligo de ĉiuj nunaj ekonomiaj baroj.

Kelkaj ekonomiistoj pretendas, ke, sub la protekto de la doganoj kreskis tro multaj nenecesaj entreprenoj, kiujn nepre mortigus tuja nuligo, per simpla plumstreko, de tiuj baroj. Laŭ ili okazus sennombraj bankrotoj, senlaboreco, ekonomiaj kaj sociaj perturboj kiuj pligravigus la krizon kiun ĝuste oni volas eviti.

Sed oni povas sekvi serion da periodoj, ekzemple jenaj:

1. Restarigo de la eŭropa mona unueco per stabiligo de ĉiuj valutoj rilate kun oro. Plej multaj landoj tion jam atingis. La aliaj ĝin celas. Tiu tasko devas unue kaj rapide esti realigita, ĉar la nuna situacio elĉerpas la landojn kun malalta valuto, sen profito por la aliaj.

2. Tiu verko de ekonomia sanigo estante realigita, oni revenos al normalaj komercaj rilatoj, daŭraj komercaj kontraktoj povos esti subskribitaj inter la Ŝtatoj kaj la industrioj povos organizi sian eksportadon sur firma bazo.

3. En ĉiuj kontraktoj la artikolo de la „plej favorigita nacio" devus profiti al ĉiuj nacioj senescepte. Tiel oni konservus iun protekton por la naciaj industrioj kaj oni garantius perfektan egalecon al ĉiuj fremdaj landoj. Tio evitus ĉiujn doganajn konfliktojn.

4. Fine ĉiuj kontraktoj antaŭvidus aŭtomatan kaj regulan malpliigon de la doganaj tarifoj, kondukante ilin ĝis kompleta nulo post certa nombro da jaroj.

Tiel la nenecesaj entreprenoj, kiujn ili protektas havus tempon por transformiĝi aŭ malaperi sen krizo.

Tiuj kelkaj pripensoj, kiuj ŝajnas al ni tiel simplaj kaj tiel evidentaj, estas malfeliĉe konsiderataj kiel utopioj de multaj homoj, eĉ, se ne precipe, de la ĉefaj ŝtatistoj.

Ni tamen aŭdigu nian voĉon, ni senlace ripetu kaj batalu por tiu bela idealo: la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo!

*Richard Levin*
Fakestro por Eksterlanda Propagando
ĉe la Foiro de Lyon.

---

*Simpla vero, sed de ĉefa graveco, estis instruita al la mondo, tio estas: nenia nacio suferas, sen ke la tuta familio de la nacioj ankaŭ partoprenas je tiu ĉi sufero, kaj estas por ni ne kontraŭstarebla devo, fari ĉion, kion ni kapablas por helpi al la ekonomia restarigo de Eŭropo.* *Sir M. S. Sharp*

☆

*Se la milito instruis al ni ion, ĝi certe instruis al ni, ke en la moderna mondo ĉiuj partoj estas ekonomie dependaj unu de la aliaj; nenia nacio povas riĉiĝi de la malriĉeco de alia . . . kaj ke unu malsana loko venenas ĉiujn funkciojn de la eŭropa korpo.*
*Lord Inchcape*

# La tradicio de la Lyona Foiro.

La Foiroj de Lyon ĉerpas sian originon el la naskiĝo mem de la urbo. Oni efektive trovas iliajn unuajn elementojn okaze de la festoj, kiuj ĉiujare en Aŭgusto, dum la Roma epoko, okazis antaŭ la Altaro de Romo kaj Aŭgustus, starigita sur la monteto Condate, nun nomata „Croix-Rousse", koro de la urbo, antikve nomita Lugdunum.


Foira Palaco.
Parta ekstera vidaĵo.

La Roma imperiestro Aŭgustus, kiu antaŭ sia surtroniĝo pasis plurajn jarojn en la urbo, decidis, ke la juna Roma kolonio, fondita de Munatius Plancus sub la nomo Lugdunum, speciale favorita de sia geografia situacio, estos la kunvenejo, kie la delegitoj de la 64 triboj, kiuj formis la tri provincojn de Galio, ĉiujare venos, sub la okulo de la Ĝenerala Guberniestro de Galio, renovigi publikan fidelĵuron al la Roma Imperiestro, soleni ludojn je lia honoro, okupiĝi pri la aferoj de la lando kaj kelkafoje apliki kontrolan rajton al la agoj de la romanaj magistratoj.

Kiom longe okazis tiuj religiaj kaj politikaj festoj ĉirkaŭ la impona monumento kiu simbolis la ludilon de la Galia unueco? Neniu povus ĝin tre ekzakte diri, sed certe estas, ke tiuj solenaĵoj kunvenigis en Lugdunum per ĉiuj vojoj de Galio multegajn fremdulojn de Bretonio, Belgio, Hispanio, Italio, Dalmacio, Nordafriko, Greklando kaj de Malgrandazio, kaj ne malmulte kontribuis je ĝia komerca disvolviĝo.

La komerco de Lugdunum, kiel tiam rimarkis la romana historiisto Plino la Juna, estis cetere mirinde prospera; post la partopreno en la ceremonioj kaj ludoj, tiu amaso da vizitantoj disiris tra la stratoj de la urbo, vendis aŭ aĉetis, kaj vigla negoco el tio rezultis.

La butikoj de ceramiko, mozaiko, plumbaĵoj, argilaĵoj, najbaris kun tiuj de la vestotranĉistoj, de la vendistoj de toloj kaj veloj, kaj de la silkoteksistoj. Inter la korporacioj plej famaj je tiu epoko, oni devas citi la vinvendistojn, kies felsakoj kaj amforoj embarasis la insulon Canaboé, inter la riveregoj Rhône kaj Saône, kaj ankaŭ la Barkistoj, kiuj entreprenis la transportojn per akvo tra tuta Galio kaj eĉ ĝis la limoj de la Roma Imperio.

Ĉio pruvas do, ke vastaj interŝanĝoj estis la sekvo de la „Concilium Galliarum" kaj ke la internacia karaktero de niaj nunaj Lyonaj-Foiroj tie trovis sian devenon.

Tiuj komercaj kutimoj daŭre vivis post la falo de la Roma Imperio, kaj estis por la urbo Lyon la fonto de potenco kaj de riĉeco.

Kiam, en 1419, la franca reĝo Karlo VII trapasis la urbon, ĝiaj „skabenoj", tiamaj urbestroj, profitis la okazon por ricevi de la reĝo serion da privilegioj kiuj konfirmis la situacion jam akiritan de la Foiroj de Lyon kaj multe kontribuis al ilia disvolviĝo.

La plej grava el tiuj privilegioj estis nomata „franchise". Ĝi liberigis la komercaĵojn venantajn al la Foiroj de Lyon de ĉiuj impostoj kiuj frapis ilin je ĉiu transpaso de landlimo, de provinca limo, de rivero, de urbo ktp.

La reĝo Ludoviko XI, komprenanta, ke tiuj privilegioj estis necesa kondiĉo de la kresko de la Foiroj, konfirmis ilin ĉiujn, kaj eĉ etendis ilian efikon al la viando kaj al la vino, kiuj estis esceptataj de la „franchise"-rajto konsentita de Karlo VII.

La urbestroj de Lyon zorge atentis pri nepra apliko de tiuj leĝoj kaj la historio de nia urbo konservis la viglajn protestojn kiujn ili esprimis ĉiufoje kiam la privilegioj ne estis skrupule observataj.

Al tiu protektado de la komercaĵoj aldoniĝis tiu, ne malpli valora, de la komercistoj mem.

La fremdaj komercistoj, kiuj venis al la Foiroj de Lyon, estis liberaj de ĉiuj personaj impostoj, tiel multaj, kiel tiuj, kiuj koncernis la objektojn.

Ili estis metitaj sub la speciala protekto de la franca reĝo kaj la tuta leĝaro kiu ilin regis, estis unua bazo de internacia juro.

La Lyonanoj zorgis pri la sendanĝereco de siaj gastoj kaj penis ilin protekti, eĉ dum la popolaj ribeloj. „Ni ĵuras", ili diris je la momento de la Religiaj Militoj, „konservi la privilegiojn de ĉiuj fremdaj komercistoj, kiuj vizitas la foirojn de nia urbo, zorgi, por ke ili povu negoci kun plena trankvileco, kaj atenti, ke ili suferu neniun malbonon aŭ danĝeron."

En okazo de morto de fremdulo dum la Foiro, la reĝo ne uzis sian „aubaine"-rajton, kaj la mortanto povis tute libere disponi pri siaj riĉaĵoj per testamento.

Aliparte la fremduloj povis havi konstantan loĝejon en nia urbo, ĉar la privilegioj, kiuj protektis ilin, efikis eĉ ekster la foira tempo.

Tiaj favoroj, kune kun la antaŭvido de bonaj negocoj, altiris al la Lyonaj Foiroj komercistojn de plej malproksimaj landoj.

La interŝanĝo de ideoj estis sekvo de la interŝanĝo de varoj. Lyon estis dum la mezaĝo tre intelekta centro. La presado multe disvolviĝis en nia urbo, kaj Lyon estis, je tiu tempo, la plej granda librovendejo post Venezia.

Ĝuste en Lyon, okaze de la Foiroj, Rabelais skribis sian senmortan verkon „Historio de Gargantua kaj Pantagruel".

*

Kiam, post longa maltrankvila periodo la negoco denove kontraŭis per sia bonfaranta aktiveco al la militaj ruinigoj, ni vidas urbon Lyon tuj reakiri sian gravecon kiel internacia merkato.

La Foiroj de Lyon estis tre famaj dum la 15-a kaj 16-a jarcentoj.



La Foiro de Lyon dum la mezepoko.

Tiuj Foiroj okazigis la naskiĝon de certa nombro da Institucioj, kiuj siaflanke kontribuis je la kresko kaj disvolviĝo de la Foiroj.

Unu el tiuj institucioj estis la Foira Tribunalo, kiu juĝis ĉiujn komercajn malkonsentojn okazintajn dum la Foiroj.

Je tiu epoko, kiam la juĝejoj estis multaj kaj diversaj kiam la juĝadoj estis malrapidaj, kiam la korupto ofte naskis partiajn juĝojn, la kreado de speciala tribunalo, kies rapidaj juĝoj valoris eĉ ekster la regno, estis multe ŝatata kaj nepre necesa por la prospereco de la Foiroj.



La centro de Lyon antaŭ 100 jaroj: „Placo Cordeliers".

La reĝo Ludoviko XI kreis tiun Tribunalon per dekreto de 8 Marto 1463. Kiel estron li nomis unu el la plej altaj Lyonaj magistratoj.

La skabenoj de Lyon, tre ĵaluzaj pri konservo de la tuta aŭtoritato en la urbo, pacience laboris por anstataŭi la Tribunalestron, juĝiston nomitan de la reĝo, per gravaj burĝoj aŭ komercistoj de la urbo.

Tiuj ĉi ricevis unue la oficon de pacigaj juĝistoj, poste, en 1560, ili konkeris la postenon de helpantoj de la Tribunalestro. Fine, en 1655, la Lyonaj skabenoj aĉetis de la reĝo la oficon de Tribunalestro, kaj fariĝis definitive mastroj en siaj aferoj.

Tiu tribunalo ĉiam ekzistas: ĝi estas nia Komerca Tribunalo, kies juĝistoj estas ankoraŭ nun elektataj de la Lyonaj komercistoj.

Tute proksime de tiu tribunalo, sur la dekstra bordo de la rivero Saône, troviĝis la fama „Loge des Changes" (Loĝio de Interŝanĝoj).

En tiu Loĝio kunvenis la komercistoj por fari ĉiujn kalkulojn kiuj koncernis monon.

Ĉiuj monoj, ĉu francaj, ĉu fremdaj, havis la privilegion libere vojaĝi al la Foiroj de Lyon, kaj estis tiel akceptitaj kiel pago.

Tio kaŭzis multajn kalkulojn, kaj kelkaj bankoj komencis esti kreataj. Iliaj unuaj fondintoj estis Firenzanoj.

Aliparte la komercistoj starigis la sistemon de kompenso de la ŝuldoj. „Ĉiuj komercistoj" rakontas tiama kronikisto, „kunvenis en la Loĝio de l' Interŝanĝoj de la 10-a horo matene ĝis tagmezo, kaj per komparo de siaj bilancoj ili tiel bone kompensis siajn reciprokajn ŝuldojn, ke iu komercisto kiu sume negocis por 20 milionoj nur bezonis 300000 eskudojn en sonanta metalo por saldi ĉiujn siajn kontojn."

Tiuj Lyonaj Foiroj, tiel famaj sub la regado de la reĝoj Karlo VII, Ludoviko XI, Karlo VIII kaj Ludoviko XII, perdis sian gravecon je la fino de la XVI-a jarcento kaj fine malaperis, je la granda bedaŭro de la Lyonanoj.

Alia kronikisto skribis en 1604: „Tre bedaŭrinde kaj malprofita por la franca reĝo kaj por la tuta mondo estas la perdo de tiuj belaj foiroj kiuj antaŭe faris la urbon Lyon fama tra la tuta Oriento kaj Okcidento."

Tiu kronikisto ne antaŭvidis la venontaĵojn, kaj tute ne suspektis, ke je la komenco de la XX-a jarcento, la urbo Lyon, memoranta pri sia glora pasinta tempo, vidos renaski, pli potencajn kaj pli prosperajn ol iam ajn, siajn antikvajn internaciajn foirojn.

*R. L.*

# La nuna Foiro de Lyon.

La nunaj Foiroj de Lyon estas do la daŭrigo de antikva kutimo, adaptita al la postuloj de la moderna ekonomio. Ĝi estas severe „specimena" foiro. Nur fabrikantoj, ne makleristoj povas ekspozi en ĝi; tio certe malpliigas la nombron de eblaj partoprenontoj, sed la vizitanto estas certa, ke, rilatante kun la produktantoj mem, li aĉetas en la plej bonaj kondiĉoj. La tuja vendado estas ankaŭ severe malpermesita: la produktanto kiu ne volas retro-porti siajn specimenojn povas tamen vendi ilin, sed la liverado okazas nur post la Foiro. La Foiro de Lyon rilatigas do la fabrikistojn ĉiulandajn rekte kun pograndaj kaj mezgrandaj aĉetistoj. Ankaŭ la prezo de la kontoroj (1800 francaj frankoj) malhelpas ke detalaj vendistoj partoprenu.

Plie, la Foiro de Lyon estas vere internacia. En 1919, ekzemple, ĝi kunigis 4684 fabrikistojn, el kiuj 1490 fremdulojn, t. e. unu fremdulo po du francoj.



Foira Palaco: Galerio de kontoroj.

La turisto kiu vizitas Lyon'on unuafoje aŭ post intertempo da kelkaj jaroj, kaj laŭiras la belegajn kajojn de la „Rhône" ĝis la loko kie tiu riverego eniras la urbon, estas surprizata je la vido de vastaj konstruaĵoj, kies neĝoblankeco brilas sur la verda fono de la altaj arboj de l' „Parko de la Ora Kapo", la ĝardenego pri kiu la Lyonanoj estas tiom fieraj.

Laŭ longo de 400 metroj, la Palaco de la Foiro jam etendas siajn simplajn, sed elegantajn arkitekturaĵojn. Kiam finita, ĝia fasado estos pli ol 1 kilometron longa.

Vera negoca templo, tiu Palaco estis organizata cele plej-eble faciligi, rapidigi kaj komfortigi la komercajn rilatojn. Ĝia centra strato, 16 metrojn larĝa, kiu trakuras ĝian tutan longon, permesas al vagonoj alporti la varojn ĝis la eniroj de ĉiuj galerioj perpendikularaj al tiu centra strato. La ekspoziciantoj



La centra halo de la Foira Palaco: Sekcio de aŭtomobiloj.

estas loĝataj en luksaj kontoretoj, provizataj per ĉiuj modernaj komfortaĵoj: elektra hejtado kaj lumigado, telefono en ĉiu kontoro. Ĉirkaŭataj de ĉiuj siaj specimenoj, ili tiel facile kaj komforte negocas kiel en siaj propraj oficejoj. Ĉiuj firmoj de sama fako troviĝas kune, tiel ke la aĉetanto tuj trovas tiujn kiuj lin interesas kaj povas rapide ilin viziti, kompari la prezojn kaj kvalitojn, informiĝi pri la teknikaj novaĵoj; unuvorte: juĝi per rapida trarigardo la nunan staton de sia fako.

La nunaj Foiroj de Lyon estis kreitaj en 1916, je la plej kriza momento de la monda ekonomia situacio.



La centra halo de la Foira Palaco dum la flora ekspozicio.

Ili ĉiam estis, tra la valuta necerteco, la dogana ŝanĝemo, kaj la transporta malfacileco, la plej fidela gvidilo de la komercisto por lia preciza dokumentado kaj la aĉeto je plej favoraj kondiĉoj.

Longe antaŭ la publikigo de la oficialaj statistikoj, la negocisto trovas ĉe la Foiro de Lyon valorajn informojn pri la situacio de la merkato.

La penado konstanta kaj ĉiujare pli vasta de la Foiro de Lyon trovas sian pravigon kaj rekompencon en la fideleco kaj kreskanta nombro de la industriistoj kaj komercistoj kiuj prenas rendevuon je ĉiu el siaj kunvenoj. En Marto 1926 ili devenis de 47 diversaj nacioj.

La Foiroj de Lyon komencas je la 1-a lundo de Marto kaj daŭras 2 semajnojn. La venonta Foiro okazos do de la 7-a ĝis la 20-a de Marto.



Foira Palaco: La enira halo.

Oni trovos valoran dokumentadon pri la orientiĝo de la nuntempa gusto en ĉiuj branĉoj de la industrio: silkaĵoj kaj aliaj teksaĵoj, vestaĵoj, peltaĵoj, meblaĵoj, artaj objektoj, vitraĵoj, ceramiko, ledaĵoj, parfumoj, ludiloj, juveloj, aŭtomobiloj.

La lastaj kreaĵoj de la tekniko ankaŭ okupos vastan lokon ĉe tiu Foiro, en la sekcioj de maŝinoj, de metalurgio, de mastrumartikloj, de elektro, de la konstruado, de kemiaĵoj, de industriaj materioj.

Ankaŭ gravaj estos la grupoj de Nutraĵoj kaj de Paperaĵoj kaj Kontor-artikloj, kaj fine tiu de Maŝinoj kaj Necesaĵoj por Agrikulturo.

La vizitantoj sin anoncas grandnombre kaj la esperantistoj ĉiulandaj estos speciale bonvenataj. Tre konsilinde estas ke ili antaŭe avertu la Esperanto-Fakon de la Foiro kiu rezervos al ili loĝejon.

La internaciaj specimenaj Foiroj, kiuj rilatigas komercistojn el ĉiuj landoj, kaj intensigas la internaciajn rilatojn, estas logika parto de la movado al la pli kaj pli proksima kunlaborado de la popoloj.

La plej granda prospereco de ĉiu lando necesigas ke ĝi specialiĝu en siaj plej bonaj produktaĵoj, kaj, interŝanĝante la troaĵon, akiru la plej bonajn produktaĵojn de aliaj landoj.

Nur per frata kunlaborado de la popoloj, oni atingos bonstaton, prosperecon, pacon.

*R. L.*



# LITERATURO



## Arta kaj pentrinda Lyon

☆

Nur unu rigardo, ĵetita sur la planon de Lyon, sufiĉas por gravuri en la spirito de l' avertita fremdulo la ĉefajn trajtojn de la liona civito. Du riveroj — Rhône kaj Saône — ĝin trakuras, de l' nordo ĝis la sudo, kiel du vastaj strategoj, kiuj cirkuligas tra la urba aglomeraĵo du vivdonajn fluojn da aero kaj da akvo. Tial la urbo dividiĝas je 3 tute malsamaj partoj, ligitaj inter si per 26 pontoj majeste proporciaj: 12 sur Rhône, 14 sur Saône.

**Fourvière.** — Okcidente de Saône altas la monteto Fourvière, kiu, kun tiu de la Rusta Kruco, vidis naskiĝon de nia urbo en la praaj tempoj de la roma almilito. Unue okupita de la Roma Forumo, kies nomon ĝi alprenis, la monteto Fourvière dum longaj jarcentoj ĉiam restis la sankta monto, la rifuĝejo de l' monaĥa vivo, el kie mallarĝaj stratoj, tre longaj kaj trankvilaj, serpentas inter vastaj religiaj konstruaĵoj.

Boeuf, kaj precipe: rue de Gadagne, kie estas instalita la Muzeo de la Antikva Lyon.

Najbare al la Katedralo staras citinda Malnova Palaco de l' Ĉefepiskopejo, kiu nun gardas valorajn kolektojn da libroj, manuskriptoj kaj gravuroj de la Urbestreja Biblioteko. Iom pli alte troviĝas la Juĝeja Palaco, severa monumento, imitanta grekan templon, kies fasado estas formita el du vicoj da 24 kolonoj.

**La Rusta Kruco.** — La koro de la urbo troviĝas inter Rhône kaj Saône. Unue, norde, la monteto de la Rusta Kruco, kiu portis antaŭ 2000 jaroj la gigantan altaron starigitan, je la honoro al Romo kaj al Aŭgusto, de 60 galiaj civitoj, kaj kie ĉiujare kunvenis la Ĉefa Konsilantaro galiana. Nun, la kvartalo de la Rusta Kruco, kovrita de altaj domoj kun grizaj nudaj fasadoj, senĉese bruas per „klik-klak-pam" de la silkteksiloj.



Lyon dum la mezepoko: Ponto de la Guillotière.

Sur la supro de la monteto, regante la urbon per sia masiva silueto, altstaras la grandefika Baziliko de Fourvière, moderna monumento, kies interno vidigas neordinaran abundon da maloftaj marmoroj, oroj, skulptaĵoj kaj multekostaj mozaikoj. Ŝajnas ke Lionanoj volis tie starigi la duoblan simbolon de sia riĉaĵo kaj sia pieco.

Apud la vasta baziliko vidiĝas, delikata fera punto, la Metala Turo, imitaĵo de la pariza Ejfelturo. Kun siaj 100 metroj tiu ĉi turo atingas preskaŭ 300 metran altecon super la nivelo de Saône, kaj de ĝia supro oni ĝuas superbelan vidon al la tuta liona regiono, vidon, kiu — en serena vetero — etendiĝas ĝis la Alpara ĉeno.

**La malnova Lyon.** — Ĉe la piedoj de l' monteto, sur la bordo de Saône, staras la Katedralo Saint-Jean, unu el la plej belaj religiaj monumentoj de Franclando, en stilo romana ogiva (rom-gotika). Sub la turo katedrala premiĝas la malnova kvartalo de Lyon, kaŝanta, en sia labirinto da kurbaj kaj krutaj stratetoj, multajn domojn kiuj datas de la XV-a kaj de la XVI-a jarcentoj. La arkeologion ŝatanta vizitanto haltos kun scivolemo en la malnovaj stratoj kun kuriozaj nomoj: rue Juiverie, rue Lainerie, montée du Gourguillon, place de la Trinité, rue du

Rifuĝejo por la malnovaj kutimoj kaj malnova liona langaĵo, la Rusta Kruco konservas, pli ol iu alia kvartalo de la urbo, la esencajn trajtojn de la karaktero de nia urbo, trajtojn kiuj faras ĝian grandecon kaj klarigas ĝian historion.

Kontraŭ la monteto Fourvière, la senmova gardantinto de la tradicioj, trankvila kaj silenta ŝub sia ĝardenara ornamo, la monteto de la Rusta Kruco, industriema abelujo kun senĉesa zumado, el kiu venis ĉiuj grandaj popolaj movadoj kiuj markas la historion de nia civito, simbolas la laboron, senhaltan penon, lukton por materia, kaj morala progreso.

La granda historiisto *Michelet* tiel resumis Lyon-on: „la granda opozicio de du montoj: la monto mistika kaj la monto laboranta: Fourvière kaj la Rusta Kruco". Al tio kontraŭdiris S-ro *E. Herriot:* „Vidpunkto brila, sed supraĵa. Ne ekzistas kontraŭeco nepra inter tiuj du partoj de la civito. En Lyon, la laboro, kiu estas ĉies leĝo, konservas la silentan gravecon de preĝo".

**La duoninsulo Perrache.** Ĉe la piedoj de la Rusta Kruco, en la primitiva loko kie Rhône kaj Saône estis miksantaj siajn akvojn inter sennombraj insuloj kaj marĉoj, nun troviĝas la

duoninsulo Perrache, tiel nomita je l' memoro de la inĝeniero kiu planis la laborojn transformintajn la aspekton de tiu ĉi urboparto. Ĝuste sur tiu duoninsulo, kvankam ĝi ne plu estas lokita en la urbocentro, troviĝas la plej komercemaj kaj vivoplenaj kvartaloj. De la placo Bellecour, unu el plej vastaj en Eŭropo, ĉe la piedoj de la monteto Rusta Kruco, pluraj grandaj arteroj: Respublika strato, Urbdoma strato, strato de Prezidinto Carnot, ktp., vidiĝas al ni la plej luksajn magazenojn, grandajn kafejojn, la plej ŝatatajn amuzejojn. La kvartalo Terraux, malsupre de la monteto, estas esence la kvartalo de la silkkomerco. Ŝajnas ke ĉiuj produktoj de l'industrio de la Rusta Kruco malrapide malsupreniĝas sur la montetdeklivo por veni amasiĝante en la vastajn deponejojn de la Grifona strato, de la strato Garet, aŭ de la Arĝentsela strato.

Tie troviĝas la Urbodomo, la Belarta Palaco, la Granda Teatro de Lyon. La Urbodomo estas unu el la plej harmoniaj monumentoj de nia civito. Ĝi datas el la XVII-a jarcento, sed ĝi estis riparita de Mansart en la XVIII-a. La salona ornamaro estas rimarkinde belega. La Belarta Palaco, estinta monaĥejo Benediktana, datas ankaŭ de la XVIII-a jarcento. Ĝi entenas la Muzeon de Lyon, kun brilebelaj salonoj da pentraĵoj kaj skulptaĵoj, ankaŭ riĉan kolekton da gali-romanaj antikvaĵoj. La Granda Teatro rigardas la malantaŭon de l' Urbodomo; konstruita en la lasta jarcento, laŭ la plej pura klasika stilo, ĝi povas enhavi 1800 personojn.



Ponto Lafayette sur la rivero Rhône.

Malsuprenirante la Respublikan straton, oni trovas, je kelka distanco de tie, la Borsan Palacon, sidejon de la Komerca Ĉambro. Tiu Palaco ankaŭ entenas Historian Muzeon de Ŝtofoj (400000 pecoj), unikan en la mondo, unu el la plej atentindaj kuriozaĵoj de la Silka Urbo. Krom tio la duoninsulo enhavas ankoraŭ malnovajn preĝejojn interesoplenajn: St. Martin d'Ainay romanstila, unu el plej antikvaj preĝejoj de Franclando, datanta el 1107, — St. Bonaventure kun tre originala gotika karaktero, konstruita en 1484, — St. Nizier kiu datas de la XV-a jarcento.

Laŭlonge de la kajoj de Rhône enviciĝas impona silueto de la „Grand Hostel-Dieu", kiu alprenas vespere, kiam la suno subiras post ĝiaj kupoloj desegnitaj de Soufflot, luksan aspekton de iu Palaco. Tiu konstruaĵo, kies kelkaj partoj — Le Petit Dôme, La Chapelle — datas el la XVII-a jarcento, estas unu el plej malnovaj hospitaloj de Franclando. Sur la sama duoninsulo staras la ĉefa stacidomo de Lyon: tiu de Perrache.

El la statuoj, kiuj ornamas la placojn de l' urbo, estas precipe citindaj: la statuo de la Respubliko sur la Carnot-a placo kontraŭ la stacidomo Perrache, bonveniganta la vojaĝantojn kun laŭrobranĉo en la mano; — la rajdstatuo de la reĝo Ludoviko XIV-a, vestita kiel roma imperiestro, sur la Bellecour-a placo; la statuo de Prezidinto Carnot sur la Respublika placo, starigita ĝuste sur la loko kie li estis mortigita en 1894; — la gracia fontano el blanka marmoro sur Jakobina placo, kie figuras statuoj de kvar famaj lionaj artistoj: la arkitekto Ph. Delorme, la gravuristo G. Audran, la skulptisto G. Coustou, la pentristo H. Flandrin; — la majesta fontano sur la Terreaux-placo, larĝe komponita kaj kun granda ekmovo.

**Maldekstra bordo de Rhône.** Fondita sur la montetoj, for de superakvegoj kaj invadoj, la antikva *Lugdunum* iom-post-iom etendiĝis ĝis la marĉa ebeno kie Rhône kaj Saône miksas kune siajn akvojn. De la Perrache-a duoninsulo la civito transvastiĝis baldaŭ sur la maldekstran bordon de Rhône, vastan ebenon kie nun lokas belaj kvartaloj kun luksaj strategoj, interkrucantaj rektangule kun tute rektaj stratoj, longaj ĝis kelkkilometroj. Dekdu modernaj pontoj ligas la du bordojn de Rhône. El ili nur unu sola malnova ponto de Guillotière, konstruita en la mezepoko per mondonacoj de la tuta kristanaro, rememoranta ankoraŭ pri la trapaso de la armeoj de Filipo-Aŭgusto kaj de Riĉardo Koro de Leono survoje al la Palestino, restas ĝis nun muta atestanto pri historio de nia urbo.

La maldekstra bordo dividiĝas en tri grandaj kvartaloj, vicantaj norde-sude: la riĉa kvartalo Brotteaux, la vasta laborista kvartalo Guillotière, fine la nova kvartalo Abattoirs, kiu plilongigas Lyon-on al sudo kaj ligas la urbon kun la industriemaj antaŭurboj St. Fons kaj Vénissieux.

**La Brotteaux.** La plej belaj strategoj de Brotteaux borderas la Parkon de la Ora Kapo, luksan publikan ĝardenon je 117 hektaroj. Ĝia gracia lago, ĝiaj ombroplenaj larĝaj aleoj, ĝiaj surprizigaj perspektivoj, la amuz-boatoj, la blankaj cignoj, kiuj malrapide sulkigas trankvilajn akvojn, ĉio tia faras el ĝi ĉarman lokon de freŝeco kaj ripozo. Krome, ĝi posedas varmajn plantejojn kaj studĝardenojn, kiujn botanisto nesenprofite vizitas.

Inter la Parko kaj Rhône altas la Foira Palaco, pri kiu traktos speciala skizo. Ĉirkaŭ la Parko oni trovas ankoraŭ Modelan Liceon Knaban, instalitan antaŭ kelkjaroj kaj alian modernan konstruaĵon la Muzeon Guimet, kiu entenas tre interesajn kolektojn da antikvaĵoj egiptaj, ĉinaj, japanaj. Samloke troviĝas Naturscienca Muzeo kun, interalie, multaj skeletoj de pratempaj bestoj, ekzemple de mamuto elfosita en la tero de Lyon mem.

La moderna stacidomo Brotteaux, proksima al tio, estas la centro de nova kvartalo kiu emas fariĝi la plej bela en la urbo.

Malsuprenirante la „Cours de la Liberté", ĉefan arterion de la maldekstra bordo, oni trovas la Prefekturan Palacon, en stilo Renesanca, finitan en 1890. La ekstera vido de la Palaco estas tre eleganta kaj la salonoj interne estas luksaj.









Supre: La Urbdomo kaj Placo Terreaux. — Malsupre: Placo Bellecour kaj la monteto Fourvière.



Aspekto de la Lyona Parko.



Domo de Gadagne en la malnova kvartalo St. Jean.

**La Guillotière.** En la Guillotière estas citindaj la konstruaĵoj de kvar Universitataj Fakultatoj de Lyon, datantaj de la lasta jarcento, laŭbordantaj je Rhône.

**Les Abattoirs.** La nova Kvartalo de Buĉejoj (Abattoirs), kiel montras ĝia nomo, posedas novajn buĉejojn de Lyon, modernajn konstruaĵojn, starigitajn laŭ la reguloj de la nuntempa higieno, kiuj estis malfermitaj en 1914, enhavante la Grandan Universalan Ekspozicion de Lyon. Nemalproksime de tie vidiĝas impona silueto de la nova Kurejo Sporta, unu el la plej grandaj en Franclando.

**La Antaŭurboj.** Lyon vastiĝas senĉese al oriento kaj al sudo. La industria antaŭurbo Villeurbanne, kiu estas sendependa civito kun 100000 loĝantoj, kaj la trankvila Montchat, plena je koketaj vilaoj plilongigas la kvartalon Brotteaux, estante siavice plilongigataj de la komunumo Bron, kie lokas vasta aerodromo. La multloĝata Monplaisir, kun multaj fabrikejoj, plilongigas laboristajn kvartalojn de la Guillotière.

Al la sudo, Vénissieux kun siaj vastaj uzinoj aŭtomobilaj, kaj St. Fons kun dekduo da gravaj kemiaj fabrikejoj, enhavas loĝantaron ĉiutage kreskantan.



Preĝejo Saint Nizier.

Foira Palaco: Parta ekstera vidaĵo.



Tiuj antaŭurboj ligitaj al la urbocentro per larĝaj strategoj, enkorpiĝas iom-post-iom al la Liona aglomeraĵo, transformiĝas, estas traborataj de pluaj strategoj oportunaj kaj agrablaj, de novaj placoj borderitaj je beletaj domoj ĉirkaŭitaj je ĝardenoj, kien la laboristo, post la aktiva tago pasigita en la urba formikejo, revenas, por trovi refreŝigan ripozon.

Tiel kreskas, senĉese disvolvante, la laborema Lyon-a civito, ekonomia ĉefurbo de la Sud-Orienta Franclando.



# Generacioj.

Rakonto de *Dimo Sjarov.*

Hela, suna posttagmezo. La vasta ĝardeno de la palaco estas senhoma. Super mi centjara kaŝtanarbo etendas malrektajn ombrigajn branĉojn. Lasinte min sur ligna benko, mi rigardas medite rustajn, ĉirkaŭkreskitajn per hedero murojn de la antikva fera kaĝo. Iam ĉi tie estis enfermitaj tridek ĉasfalkoj de la fiera palacmastro.

Seka, nerva ekrido ĉesigas miajn pensojn. Ridis malplaĉa, ĉifona maljunuleto, kiu nerimarkite estis eksidinta sur la alia rando de la benko.

— Ili forestas tute, ĉu ne?

Mi ne komprenas.

— Kiuj?

— La falkoj! Forflugis ili ien en la eternecon — tiel, kiel forflugis ankaŭ la gloro de miaj praavoj.

Mia nekompreno pliiĝas.

— Sed kion komunan havas viaj praavoj kun tiu ĉi kaĝo?

La sangoruĝaj okuloj de la maljunuleto ekbrilas:

— Kion komunan mi havas? Ja tiu ĉi palaco apartenis al miaj praavoj. Ne rigardu min tiel mirfrapite. Mi estas la lasta ido de tiu glora familio. Sed mi ludperdis kaj fordrinkis ĉion. La ŝtato aĉetis aŭkcie mian palacon. Kaj nun, kiam neniu estas en la ĝardeno, mi ŝtelvenas ĉi tien kvazaŭ rabisto, por rigardi iom tra la malfermitaj fenestroj la brilon de la oraj fazanoj, eltranĉitaj sur la silkaj tapetoj de mia iama ripozejo. Sango enfluas mian kapon ĉe la rememoro, ke en ilia ombro nun dormetas ia skabieca registristo, kaj en la aleoj de la malnova parko, kie tintis iam la paŝoj de miaj graciaj praavoj, pedeloj veturigas siajn dikajn bebojn. Kia profanigo de nia familia honoro! Kaj tiun ĉi staton mi kaŭzis, mi, la maljuna malĉastulo kaj drinkulo.

La maljunuleto eltiras malpuran tukon kaj viŝas la eklarmintajn okulojn. Post ioma paŭzo li daŭrigas:

— Vi estis supre, en la ĉambrego de la solenoj, ĉu ne? Vi vidis tie kiel estas pentrita mia praavo, kiu konstruigis la palacon. Triumfantaj amasoj portas lin sur siaj brakoj. Fiera li estis — ne ĉifono kiel mi. Mi amis malĉastulinojn, sed li nur unu inon amis sensaĝe . . .

La maljunuleto subite eksilentas. Sed mia scivolo estas ekscitita.

— Kiun? mi demandas malpacience.

La maljunuleto per krude malĝentila tono respondas:

— Ĝi estas familia sekreto. Sed, se vi deziras ekscii ĝin, pagu do.

Mi ŝovas bankbileton en la etenditan manon de la maljunuleto

— Mia avo, daŭrigas la maljunuleto, amis nur la reĝinon. Ŝi loĝis tie supre, en la turo sur la rokoj. Kaj ĉi tien, sub ŝiajn fenestrojn, decidas li konstruigi por si palacon. Ŝi ja vidu, ke ankaŭ li, kvankam estanta sen krono, povas vivi reĝe. Antaŭ ol estis konstruita la palaco, ĉi tie, sur la sama loko, estis tricent domoj. Mia praavo detruigis ilin ĝis la fundamentoj. Granda tumulto estis. Iuj malriĉaj homoj kontraŭstaris, sed mia praavo enfermigis ilin en ferkaĝojn kaj kiel kaptitajn en kaptiloj ratojn li dronigis ilin en la riveron.

Mi intermetas:

— Tre kruela estis via praavo.

La maljunuleto levas la ŝultrojn.

— Tiaj estis tiam la tempoj. Sed mia praavo ne estis tiel kruela. La familia kroniko prezentas lin gaja kaj bona kantulo. Li ŝatis la bonan manĝon kaj trinkon, kiun oni proponis al li nur en oraj teleroj. Eĉ li igis, se oni verŝu sur la fojnon en la marmoraj manĝujoj de la ĉevaloj plenajn kaldronegojn da vino miksita kun mielo. Belajn noktojn li pasigis kun la reĝino. Ŝi malsuprenvenis tra la incensata per aromaj rezinoj sekreta subtera pasejo, kiu estis fosita en la rokoj sub ŝia turo. Mia praavo akceptis ŝin en la ĉambrego de la solenoj. Dum ili enbrakigis sin kaj kisadis sin sub la peza silka baldakeno, dek, bronzkoloraj sklavinoj, alkondukitaj el la malproksima nekonata Oriento, muzikis mallaŭtajn misterajn kantojn per cimbaloj.

Sed la reĝo eksciis pri tiuj sekretaj intervidiĝoj kaj ekpensis kruelan venĝon. Li igis masonbari la malsupran elirejon de la subtera pasejo kaj enlasigis enen du sangavidajn pro malsato sovaĝajn tigrojn. Post tio oni diskombis la silkajn harojn de la reĝino. Kaj okazis io malhoma, terura . . .

La maljunuleto denove eksilentas. Sed mia scivolemo estas kondukita ĝis ekstrema grado.

— Kio okazis post tio?

La maljunuleto ŝovas sian malpuran manon sub mian nazon.

— Pagu ja! Ĉu vi volas donace ekscii miajn familiajn sekretojn?

Mi enŝovas denove bankbileton en lian manon. La maljunuleto metas ĝin en sian poŝon, leviĝas kaj ekforiras.

— Sed kio okazis kun la tigroj? mi krias post li.

La maljunuleto ekgratas sian kolon.

— Kio? Nenio. Vi mem povus ankaŭ elpensi la finon.

Mi salte leviĝas.

— Ĉu do ni mensogis min ĝis nun?

— Kion fari? Maljuna mi jam estas por la malfacila laboro sur la haveno kaj mi penas perlabori mian panon per elpensaĵoj, kiujn mi rakontas en la ĝardenoj. Kaj nun — dankon, kaj adiaŭ.

La maljunuleto deprenas sian ĉifitan ĉapelon kaj riverencas al mi ĝistere.

El bulgara lingvo tradukis
*Ada.*

---

# Portreto de edzino.

*Emanuel Leŝehrad*

Iu pentrartisto havis belan edzinon, sed neseriozan; ŝi lin tute ne komprenis kaj ŝatis la arton nur kiel bonan metion, kiun oni eventuale povas kun profito monigi. La artisto, malgraŭ tiom da doloroj kaj senreviĝoj ne povis sin forigi de la virino: eble ŝin al li aljuĝis la sorto. Okazis iam, ke li pentris portreton de sia edzino. Verkon majstran kaj mirindan. Finante la laboron, li ekmeditis antaŭ la bildo, en kiun li estis ensorĉinta sian tutan arton. Senĉese al li ŝajnis, ke en la portreto mankas io, kion li ne povis esprimi. Du tagojn dum tutaj horoj

li staradis antaŭ la bildo, kaj nur la trian tagon, turmentite de pensado, sidante en niĉo de la laborejo, li divenis tion. — La portreto de lia edzino en la plidensiĝanta mallumo ŝanĝiĝis je demona aperaĵo: okuloj, sangavidaj okuloj, lipoj senkompataj, brusto kiel du flugiloj de vampiro. Sangon bezonis la bildo, tion li subite elkomprenis, homan, varman sangon de artisto, per kiu povus sin satigi la vampiro. Poste la portreto de tiu virino estus perfekta. Kaj senhezite li elprenis el tirkesto de la tablo revolveron kaj mortepafis sin antaŭ la bildo de sia edzino, makulante la tolon per sango de sia koro. Kaj mortante li kontente ridetis, ĉar li finis sian plej bonan verkon: la portreton de l' edzino.

El la ĉeĥa *Miloš Lukáš.*

## NOTOJ

**Monomarko.** — En la lasta tempo aperis en Anglujo misteraj simboloj, ekzemple: BM/DERT7, BM/CTU8F, BCM/BSA, BCM/AJS, kaj progresemuloj el ĉiu lando nature demandis „kio estas tio ĉi?“

La literoj BM/ kaj BCM/ signifas Brita Monomarko kaj Brita Komerca (angle: commercial) Monomarko, kaj, kun la aldono de la vortoj „Londono W. C. 1“, servas kiel nomo kaj adreso de la monomark-havanto, kiu devas esti privatulo kaj komerca firmo respektive.

Oni stampas sian monomarkon sur ĉiun posedaĵon, ekzemple poŝhorloĝo, aŭtomobilo, vestaĵo, monujo, fontplumo, notlibro ktp., kaj, supozante ordinaran honestecon, nenio nun devas esti longtempe perdita, ĉar ĉio portas, en formo konvene mallonga, la plenajn nomon kaj adreson de la posedanto. Al la vojaĝisto la monomarko servas kiel konstanta poŝta adreso, ĉar en kiu ajn loko de la terglobo li portempe havas sian loĝon, tie rapide atingos lin ĉiu komunikaĵo kiu estas monomark-adresita. Kiam oni deziras denove interrilatiĝi kun amiko monomark-posedanta, de kiu oni eble aŭdis absolute nenion dum kelkaj jaroj, la monomarko tuj trovos lin spite multe da adresŝanĝoj. Kiam S-ro Monomark-posedanto iras libertempi, ne nun necesas, ke li donu al multaj amikoj la novan adreson, ĉar lia monomarko sekvos lin tra la tuta mondo.

Komercaj firmoj stampas siajn monomarkojn sur produktaĵojn por ke iu facile povas trovi la fabrikiston de la komercaĵoj.

En Londono staras „Monomarko-Domo“, en kiu troviĝas grandaj adresaroj de la monomark-posedantoj, kaj kie lerta oficistaro okupas sin pri la monomarko. Tien-ĉi la Londona Ĉefpoŝtoficejo sendas ĉiun komunikaĵon kiu portas monomarkadreson; oni tuj enmetas ĝin, ne malfermitan, en novan koverton kaj enpoŝtigas ĝin al la n u n a adreso de la monomark-posedanto. Por ke la oficistaro korekte readresu ĉiun leteron ktp., oni devas tuj sciigi ilin pri ĉiu adresŝanĝo. Oni ankaŭ devas regule pagi la jaran kotizon!, kiu estas, por privatuloj, dek ŝilingoj anglaj. Oni notu, ke la adreso de Monomarko-Domo estas simple „BM/Mono, Londono W. C. 1“.

La monomarko estas praktika aplikado de tre malnova ideo, kaj estas mirinde elpensita sistemo.

*F. Douglas Murphy,* Ipswich.

*

**Tristan-da-Cunha** estas unu el la plej izolaj anguletoj de la mondo. Tiu insularo estas malproksima 3000 km de la Bonespera Kabo, kaj 3700 km de Montevideo, estas brita posedaĵo. La ĉefa insulo areas 116 kv. km kaj ĝia plej alta monto havas 2500 m. Pro la malvarma klimato tie loĝas nur 130 homoj, kiuj ne konas uzadon de la mono kaj alkoholo. Krimoj do ne okazas sur tiu pacema terpeco. La solaj mambestoj kiuj tie vivas, estas marelefanto, foko, kaj alportitaj ratoj. Nur ok specoj da birdoj — kvin maraj kaj tri teraj — tie gajigas la naturon: albatroso, marhirundo, mevego, petrelo (ŝtormbirdo), pingueno, akvokoko, emberizo, turdo. Nur kvin moluskoj tervivaj: heliko, limako, kaj tri aliaj specoj. Tie kreskas nur unu speco de arbo: Philica arborea (arboida filiko). La nomo de la insularo estas nomo de ĝia trovinto — portugala marvojaĝisto — Tristan da Cunha, kiu ne vidis homojn sur la insularo. Nur poste venis kaj ekloĝis tie diversaj ŝippereuloj, kolonianoj, maristoj.

*

**Radiumo** estas metalo 300000-foje pli kosta ol la oro. En la 1902 ĝin penege eltrovis fizikisto Pierre Curie kaj lia edzino, naskita Sklodovska. La nomo radiumo estis donita al ĝi pro la eco eligi videblajn radiojn en la mallumo. Tiu elemento estis ekstraktita el la uranoriĉa mineralo „Pechblende“, alportita el Joachimsthal de Bohemio. Poste oni trovis en Usono, ŝtatoj de Kolorado kaj Utah, alian mineralon „carnotite“ kiu ankaŭ entenas la radiumon. La usonaj industriistoj starigis uzinojn kaj sukcesis produkti ĉiujare 10, 20 aŭ eĉ pli . . . gramojn da radiumo, kvanto relative granda, ĉar antaŭe oni ricevadis nur miligramojn da tiu valorega metalo. Oni devas scii ke por ricevi unu gramon da radiumo necesas kemie prilabori pli ol kvarcent milion gramojn da karnotito. En Portugalo estis trovita tria radiumhava mineralo „autunite.“ Nun unu gramo da radiumo kostas ne pli ol 70,000 fr., dum la plej multekosta ŝtono — rubeno — kostas 40000, kaj la plej perfekta perlo — 60000 orfrankojn la gramo. Ne estas vera do la onidiro ke en la tuta mondo estas produktita nur unu gramo da radiumo. Sole en Usono oni produktis dum la jaro 1914 pli ol 22 gramojn, kaj la tuta Eŭropo havigis ĝis nun 60 gramojn da radiumo. En 1904 ĝia prezo (po mgr.) estis 20 orfrankoj, en 1914 la prezo atingis maksimumon de 180, kaj en 1923 ĝi falis ĝis 70 orfrankoj.

## En kelkaj linioj . . .

*** S-ro *M. Goldberg,* Klemmstrasse 14, Leipzig S-3, dissendas alvokon al la tutmonda instruistaro, verkitan en nia lingvo, en kiu li admonas pri vigla organiziĝo de la instruistaro.

*** Ligo de germanaj esperantistoj en *Ĉeĥoslovakio* aranĝas propagandan semajnon dum aŭtuno 1927. Komenciĝis en la tuta regiono 34 kursoj en 28 lokoj, kun ĉirkaŭ 600 lernantoj.

*** *Diario da Madeira,* ĵurnalo en Funchal, regule raportas pri la sukcesoj de Esperanto. Ankaŭ ĝi aperigis portugallingve tradukon de „Por kompreni Hindujon“ de nia kunlaboranto *Liang-ĉu-vaj.*

*** Enketo pri Esperanto estas farota ĉe la *Universitato de Minnesota,* Usono. Interesatoj respondu al la demandaro:

1. Sekso. 2. Aĝo via dum esperantiĝo. 3. Jaro de via esperantiĝo. 4. Kiom da jaroj vi lernis nacie. 5. Profesio aŭ stato en momento de via esperantiĝo. 6. Lasta grado de via nacia instruiĝo. 7. Kio aŭ kiu vin esperantigis. 8. Kian intereson, utilon vi trovis en Esperanto. 9. Kiel vi lernis Esperanton. 10. Via nuna profesio. 11. Via patrinlingvo. 12. Via urbo, lando. 13. Via nomo.

La respondojn adresu: „Esperanto“, University of Minnesota, USA.

*** Aperis nova gazeto „Skolta Heroldo“, adreso: Pastro *G. Ramboux,* 22 Cours Albert I, Paris 8-e. Ĝi enhavas komencon de skolta romano: „Aventuroj de du amikoj“.

*** Nia Asocio, pere de la Centra Oficejo, entreprenis kompletan bibliografion kaj katalogon de ĉiuj *mondlingvaj projektoj.* Unuaj monatoj jam alportis pli ol 400 nomojn. (Ordinare oni scias nur pri 150 ĝis 200 lingvoprojektoj). Fakuloj bonvolu legi ritatan anoncon en „Petoj kaj Proponoj“.

*** Ni ricevis Raporton de la *Aerologia Observatorio* de Tateno, apud Tutiura, Japanio; ĝi estas volumo de 220 paĝoj, en preciza formato (!) de nia gazeto. Tiu regna institucio kun 27 personoj, el kiuj 16 scienculoj, posedas 16 instrumentojn por meteorologioj studoj kaj balonojn, kajtojn — por studi direkton kaj rapidon de ventoj je ĉiuj altecoj de 40 m ĝis 11 km. La raporto prezentas ciferojn, desegnojn, formulojn, rezultintajn el la vento-studado dum 4 jaroj. Krom du linioj de japanlingva titolo, la titolo, antaŭparolo, kaj la tuta volumo estas en Esperanto. Ni dankas ĉi tie al la estro de la observatorio, S-ro *W. Oishi,* pro lia valora eldonaĵo.

# 19. Universala Kongreso de Esperanto

## Danzig

◆

## OFICIALA INFORMILO.

**Dato:** La XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig okazos 28 Julio ĝis 4 Aŭgusto 1927.

**Patrono de la kongreso:** S-ro D-ro Heinrich Sahm, Prezidanto de l' Senato de la libera urbo Danzig.

**Loka Kongresa Komitato:** Honora prezidantino: S-ino Anna Tuschinski.
Prezidanto: S-ro Bernhard Aeltermann, Del. de UEA.
Vicprezidanto: S-ro Kazimierz Majorkiewicz.
Financoj: S-ro Kurt Sachsze.
Sekretarioj: F-ino Käthe Marquardt kaj F-ino Schulz.
Gazetaro: S-ro Edmund Fethke kaj S-ro Ernst Grabowski.

**Adreso:** Ĉiuj leteroj estas adresotaj al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto en Danzig.

---

### Aliĝo.

Samideanoj dezirantaj aliĝi al la XIX-a bonvolu uzi la aliĝilon eldonitan. La aliĝiloj estos dissendataj kun tiu ĉi numero kaj poste per la esperantaj gazetoj.

En la kongresan nomaron estos enskribataj nur la personoj, kiuj pagis la kongresan kotizon.

Ĉar por la bona prosperado de la porkongresaj laboroj frua aliĝo estas tre necesa, la samideanoj estas petataj aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj pagi la kotizon. Rapidu aliĝi!

Ĝis 31. XII. 1926 aliĝis 53 gesamideanoj el 9 diversaj ŝtatoj.

*

### Helpkongresanoj.

Samideanoj, kiuj ne povos ĉeesti la XIX-an, helpos al ĝia bona sukceso aliĝante kiel helpkongresanoj. Ili pagas la kongresan kotizon kaj ricevos la kongres-insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

*

### Kotizo.

Por ĉiuj kongresanoj sen diferenco laŭ landoj: 25 danzigaj guldenoj aŭ 20 germanaj markoj aŭ 1 angla funto aŭ 25 svisaj frankoj. Por blinduloj senpage.

Oni pagu al la „Danziger Privat-Aktien-Bank", Danzig, Konto: Esperanto aŭ per poŝtmandatilo aŭ per ŝtatbileto sendotaj per rekomendita letero al la XIX. Universala Kongreso de Esperanto, Danzig.

*

### Donacoj.

Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenon por plibonigo de nia jubilea manifestacio.

*

### Blindula kaso.

Dezirante helpi al la blinduloj kiuj okaze de nia XIX-a aranĝos sian VI-an Blindulan Kongreson en Danzig, L. K. K. starigis blindulan kason kaj petas pri mondonacoj.

*

### Fakaj kunvenoj.

Personoj, intencantaj kunvoki fak-kunvenojn, estas petataj kiel eble plej frue informi la L. K. K.

L. K. K. estas jam informita, ke okazos kunvenoj de inĝenieroj kaj arĥitektoj, Ilepto, Teka, kaj ĵurnalistoj.

*

### Alvojaĝo.

Por la envojaĝo al Danzig trans Stettin — Stolp aŭ Schneidemühl — Dirschau (Tczew), aŭ Königsberg — Marienburg — Dirschau (Tczew) estas necesa eksterlanda pasporto kun la pola transitvizo.

Pola vizo ne estas bezonata, se la envojaĝo okazos jenmaniere:

1. per ŝipo de Swinemünde, Pillau, Stockholm, Riga ktp. al Zoppot, de tie per fervojo al Danzig;

2. per fermita koridor-vagonaro de Berlino al Marienburg, de tie per malgrandfervojo, aŭto aŭ aeroplano al Danzig;

3. per aeroplano de Stockholm, Stettin, Berlin, Königsberg.

Danziga vizo ne estas necesa.

Uzu la aranĝotajn karavanojn de UEA, pri kiuj detaloj sekvos.

*

### Kongresa servo de UEA.

Por faciligi la partoprenon en la kongreso al kiom eble plej multe da personoj, UEA starigis servon de kombinita biletaro kiu entenas ĉion: kongreskotizo, aranĝoj, ekskurso al Zoppot, sestaga restado kun manĝo ktp., kiel la Turistaj biletoj eldonitaj okaze de la XVII-a kongreso en Ĝenevo. La biletoj jam nun povas esti mendataj.

*A* (unuaranga): Fr. 200.—, *B* (duaranga): Fr. 160.—
*C* (simpla): Fr. 125.—.

La „Kombinita Biletaro" devas esti mendata ĉe Universala Esperanto-Asocio, 12 Bd. du Théâtre, Genève.

*

### Loĝigo.

Sub-Komitato jam klopodas, zorgi pri sufiĉe da konvenaj loĝejoj. Ĉiuj aliĝintoj ricevos mendilojn. Kiuj ne volas utiligi la Kongresan Servon de UEA tiuj nepre uzu la mendilojn de L. K. K. Detaloj sekvos.

*

### Oficiala organo.

Ĉiuj sciigoj pri la XIX. Universala Kongreso de Esperanto kaj la III. Internacia Somera Universitato aperos en la oficiala organo de UEA „Esperanto", Ĝenevo.

*

### Afiŝoj.

La kongresaj afiŝoj estas sendataj al ĉiuj de ni konataj adresoj. Samideanoj, firmoj kaj institucioj, kiuj povas elmeti ilin videble, sendu siajn adresojn por senpaga ricevo de la afiŝoj. (Uzu respondkuponojn.)

*

### El la provizora programo:

Ĵaŭdon, 28. VII.: Interkonatiĝa vespero.

Vendredon, 29. VII.: a. m. Malfermo de la S. U.
p. m. vespera koncerto en Sankta Marien.
vespere: Malfermo de la XIX-a.

Sabaton, 30. VII.: Prelegoj, Laborkunsido, Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurseto al Oliva — Glettkau.

Dimanĉon, 31. VII.: a. m. Diservoj, Promeneja koncerto.
p. m. Ĝardenkoncerto.

Lundon, 1. VIII.: Prelegoj, Kongresa Fotografo, Fakaj kunsidoj.
vespere: Internacia balo.

Mardon, 2. VIII.: Fermo de la S. U., Fakaj kunsidoj.
p. m. Ekskurso al Zoppot. Oratora konkurso en la Kurac-Ĝardeno.
vespere: Arbaropero germana.

Merkredon, 3. VIII.: Tuttaga ŝipekskurso al Zoppot. Marborda festo.

Ĵaŭdon, 4. VIII.: Fermo de la Kongreso. Ekskurso al Marienburg, postkongresaj vojaĝoj.

 SOCIA VIVO 

# La granda festo en Maroko.

La granda festo estas la lasta en la mahometana jaro dum la monato Du Lhiĝa. Ĝi okazas post la malgranda festo kiu markis finon de la fastomonato Ramadan. Ju pli la festoj estas grandaj, despli ili daŭras. La granda daŭras oficiale dum kvar tagoj kaj laŭvole poste ankoraŭ unu aŭ du tagoj.

Oni devas por ĉiuj grandaj festoj sin vesti per novaj vestoj kaj ŝuoj, sed la plej granda logaĵo estas la manĝado. En la unua tago precipe oni manĝas de la mateno ĝis la vespero. Iru tra la stratoj kaj vi certe estos invitata per okaze renkontitaj amikoj. Vi manĝos en domoj, en palacoj aŭ en ĝardenoj, ĉie vi estos bone akceptata. Ĉe la riĉuloj, antaŭ ol manĝi, sklavo*) verŝas varmetan akvon por lavado sur la manoj de ĉiuj gastoj. Poste, oni sidiĝas sur matoj kaj riĉaj marokaj tapuŝoj, sed oni devas demeti siajn ŝuojn**). Nun oni sin sternas, parolas kaj trinkas verdan tre sukeran teon. Kaŭrante sidiĝinta homo pretigas la teon. En tekruĉo li metas iom da teo kaj freŝan menton, poste li verŝas bolantan akvon kaj metas multe da sukero. Kaj jen li verŝas teon en glason kaj ĝin reverŝas en la tekruĉon plurfoje ĝis teo estas trinkebla tiam el glaso li gustumas kaj reverŝas la restaĵon en la tekruĉon kaj post li la gastoj plezure trinkas gustumitan teon! Iom da tempo poste, kiam englutis la gastoj ĉirkaŭ kvar aŭ kvin malgrandajn teglasojn oni sin pretigas manĝi. La manĝaĵoj estas ĉirkaŭigataj de la gastoj kaŭrantaj. Dirinte: „Besmellah!“ En la nomo de Dio! oni ekmanĝas per siaj fingroj de la dekstra mano, unue rostitan ŝafon. Se la gastiganto donas al gasto pecon da viando per sia mano, tiu ĉi devas tre kontente akcepti. La manĝaĵojn sekvas manĝaĵoj, ŝafaĵoj, kokinoj kun sekvinberoj, oranĝoj, olivoj, legomoj, ĉiam tre spicitaj, ovaĵoj kaj la popola „ksuksu“, tio estas pretigita griaĵo kun viando kaj legomoj. El ĝi oni devas fari buletojn kiujn oni rapide englutas. La nombro de l' manĝaĵoj estas laŭ la riĉeco de la lando kaj de la gastigisto. Ne estas maloftaĵo manĝi el tridek mangaĵojn. Oni trinkas akvon nur fininte unu manĝaĵon, aŭ oranĝakvon kiu regalus eĉ la manĝodelikatulojn. Dum la manĝado ne estas ĝentile paroli, sed aliaj en proksimeco sonigas bruojn pli aŭ malpli agrablajn: estas judoj kaj mahometanoj senlaciĝaj dancistoj kiuj krias pli ol ili kantas sub la varmega suno dum virinoj frapas sur tamburetoj aŭ ritme sin balancas kantante enuegigajn kantojn.

Sed for la tamburetoj! . . . en la horizonto ekaperas en densa nubo da polvo rapidegaj rajdistoj. En senbrida irado, tiuj homoj vestitaj per diverskoloraj tunikoj, sur siaj ornamitaj kaj furioze kuregantaj ĉevaloj pasas fieraj kaj sentimegaj, minace svingante siajn longajn pafilojn. Brukrakado! ĉevalpiedfrapado! . . . La fumo de la pafiloj enmiksiĝas kun la polvo en la aero varmega kaj oni ektremas! . . .

Ili forpasis. . . . El iliaj atakego kaj senutila fiereco nur restas polvo!

*Pierre Carriere,*
Tuflist, Maroko.

*) Por tiu vorto, oni devas kompreni servisto. Li estas ĝenerale aĉetita sudana homo. La sklaveco ne tute malaperis ĝis nun en Maroko.

**) La marokaj ŝuoj enhavas nur plandon kaj superartikan ledaĵon kaj sekve estas facile eltireblaj.

# Bulgaraj popolaj kutimoj

*Ivan H. Krestanoff*
(premiito de la X-aj floraj ludoj 1924).

Belaj popolkutimoj kaj iliaj akompanantaj ritoj restis ĉe kelkaj popoloj de la malnova idolana tempo. Kiel tradicioj ili diversigas kaj plidolĉigas la nunan vivon. Jen kelkaj el ili, konservitaj ĉe la bulgaroj.

*

## La Nova Jaro.

Unu el la plej belaj festoj dum la vintro estas la festo de Nova Jaro aŭ Surovako*). Ĝi estas festo precipe por la infanoj. Ĉiu el ni gardas en sia animo la belajn memorojn de la infaneco pri tiu festo.

La vespero antaŭ la Nova Jaro estas nomata budna veĉer (maldorma vespero). En la kamenon de la ĉambro, kie estos renkontata la Nova Jaro, oni metas grandan ŝtipon (budnik), kiu brulas kaj bruletas ĝis la mateno. Por la vespermanĝo estas aranĝata la tablo, sur kiun oni metas tutan panon kun bruligita vakskandelo sur ĝi, kompoton, manĝaĵon de porkokapo, kukon kaj fruktojn. Antaŭ ol la vespermanĝo komenciĝas, la plej maljuna persono en la domo metas vivantajn karberojn kaj Smirnan timianon en la incensilon kaj incensas la manĝotablon kaj la tutan domon. Interne en la kuko estas antaŭe metitaj bone ellavitaj arĝentaj kaj nikelaj moneroj, por provi la ŝancon La kukujo estas metata sur la manĝotablon kaj la kuko estas tranĉata je tiom da pecoj, kiom estas la personoj sidantaj ĉirkaŭ ĝi. Ĉiu prenas la pecon antaŭ si kaj ĝin malfermas por vidi ĉu li gajnas moneron. Kiu gajnas moneron, tiu estos feliĉa kaj riĉa dum la jaro. Grandan feliĉon havos kaj donace ricevas monon tiu, kiu ternas je la 12-a horo nokte.

La infanoj, knaboj pli aĝaj ol ses jaroj, kuŝiĝas frue, ĉar la matenon antaŭ krepuskiĝo ili iros surovaki. La surovak'ilo estas pretigita jam du tagojn antaŭe. Ĝi estas branĉetohava kornusvergo, ornamita per alligitaj sur ĝi diverskoloraj rubandoj, paperstrioj aŭ ruĝaj kaj bluaj diversdikaj lanfadenoj. Ordinare al la surovakilo oni ligas ankaŭ ormoneron. Frumatene la patrino vokas la infanojn, vestas ilin per novaj vestoj kaj ilin forsendas por surovaki la parencojn kaj konatulojn. La stratoj de la vilaĝo estas plenigataj de vivo — bruparolo, krioj, kantoj. La infanoj marŝas ordinare pogrupe, duope aŭ triope. Kiam ili alvenas al la domo, kie ili surovak'os, ili ekfrapas forte sur la eksteran pordon kaj vokas laŭtvoĉe la domomastrinon por malfermi al ili. Enirinte, ili komencas surovaki, frapante sur la dorso ĉiun de la familio kaj samtempe dirante:

| | |
|---|---|
| Sùrova, sùrova godìna, | Saluton, bondeziron por la novjaro, |
| Vèsela godìna, | Estu gaja la novjaro, |
| Červèna jàbolka v gradìna, | Ruĝa pomo en la ĝardeno, |
| Pàlna kàšta s koprìna, | Plena domo je silko, |
| Ĵivo zdràvo do godìna | Estu vivaj kaj sanaj ĝis la venonta, |
| Do godìna do amìna. | Ĝis la venonta jaro kaj por ĉiam. |

*) netradukebla vorto, signifanta proksimume: saluton kaj bondeziron per frapado.

La surovak'antoj surovak'as ankaŭ tiujn, kiuj ankoraŭ dormas, frapante pli forte, por ilin veki. Post kiam ĉiuj estas surovakitaj, la domomastrino disdonas al la infanoj monerojn, nuksojn, avelojn kaj aliajn sekajn fruktojn. Tiamaniere la infanoj vizitas la vilaĝon ĝis la mateno, kiam ili revenas hejmen. Antaŭ ol rehejmiĝi, ili ĵetas sian surovakilon ordinare sur la tegmenton de iu domo. La surovakilo ne devas esti kunportata hejmen, ĉar alie estos multaj puloj dum la jaro.

Kontraŭ la Nova Jaro, samkiel dum la tago de 1 Januaro, estas provata la ŝanco per krevado de kornusburĝonoj. Oni kolektas burĝonojn de la surovakilo kaj unu post alia ili estas metataj sur ardantan karberon apud la kameno, antaŭ kio oni dediĉas la burĝonon al iu el la membroj de la familio, al la ŝafaro, al la grenkampo, vinberejo ktp. Pro la ardo la burĝono varmiĝas, grandiĝas kaj krevas forsaltante de la karbero. Se la burĝono bone krevas kaj forte saltas, tio ĉi signifas feliĉon por tiu, al kiu ĝi estas dediĉita aŭ fruktabundecon de la grenkampo, vinberejo ktp.

Kvankam la Nova Jaro estas festo por la knaboj, tamen ankaŭ la knabinojn ligas ĝojaj memoroj kun ĝi.

Je Silvestro (de Sylva = arbaro), kontraŭ la Nova Jaro, la knabinoj de la kvartalo kunvenas en iun domon, por provi sian ŝancon. Ili prenas kupran kaldroneton, metas sur ĝian fundon tavolon de aveno kaj ĝin plenigas je akvo. Ĉiu knabino estas pretiginta sian ringon, per kiu ŝi provos sian feliĉon dum la nova jaro. Ĉiuj ringoj estas metataj en la kaldroneton kaj oni miksas ilin bone kun la aveno. Post tiu ili ekkantas:

| | |
|---|---|
| Popăren petel | Brogita koko |
| Prez dol bjăga; | Tra valet' kuras; |
| Carvŭl stjăga, | Ledŝuo premas, |
| Njăgo mŏje. | Karulino mia. |

La lasta verso estas kiel rekantaĵo en ĉiu strofo. Post la finkanto de ĉiu strofo, kiu signifas iun viran metion, iu knabino metas la manon en la kaldroneton kaj eltiras unu ringon. Al kiu knabino apartenas la ringo, tiu edziniĝos je tia, kian montras la finkantita strofo: paŝtisto, kaldronisto, ĝardenisto, skribisto, urbano, fremdulo, ktp.

*

## Pasko.

En Okcidenta Eŭropo la plej granda festo estas la Kristnasko. Ĉe la ortodoksaj slavoj, precipe ĉe la bulgaroj la plej granda festo estas la Pasko aŭ bulgare Velikden (Granda-tago).

Jam antaŭ ĝi, sabate je Lazar-tago, la plej malgrandaj knabinetoj iras kun korbetoj en la manoj kolekti ovojn. Enirinte en iun domon, ili nenion parolas, sed restas starantaj. Kiam la domomastrino ilin vidas, ŝi donas al ili po unu ovo, post kio ili eliras, dirante nenian vorton. Tio ĉi daŭras ĝis tagmezo. La saman tagon, antaŭvespere ili kunvenas kaj priparolas la vicon, laŭ kiu ili vizitos je la Palmofesto la vilaĝon. Je tiu tago, enirinte en la domon, ili haltas en la mezo de la korto kaj kantas po unu kanto por la domo kaj por ĉiu ĝia membro aparte. Post tio la domomastroj donacas al ili monerojn aŭ ovojn.

Baldaŭ komenciĝos la Sankta Semajno. Oni sin preparas por la granda tago de Pasko. Estas laborego ĉirkaŭ kaj en la domoj: ĉiu domomastrino tutkore purigas sian loĝejon ĝis la plej lasta anguleto. Ĉio devas esti finita ĵaŭde. Tiam oni kuiros kaj kolorigos la ovojn kaj faros la tradiciajn Paskajn kukojn, la t. n. kuzinaci. La bakistoj ne scias plu kien meti la kapon. Ĉiu familio preparas almenaŭ po dekduo da tiaj kaj ĉiu kuko pezas de tri ĝis kvar kilogramoj. Tio ĉi estas la plej imponanta ceremonio dum la jaro. La tuta popolo ĝojas kaj partoprenas tiun antikvan festenon de la rostita ŝafido kiel en la tempo de Abrahamo! La tradicioj tute ne ŝanĝiĝis Por tiu ĉi tago ĉiu devas havi novajn vestojn, ŝuojn, ĉapelon . . . sin vesti plej bone, solene. Je Pasko mem, kiu daŭras tri tagojn, oni sin salutas ne plu per „Bonan tagon", sed per „Kristo reviviĝis!" kaj „Vere Li reviviĝis!" kaj manĝas paskan kukon kaj kolorigitajn ovojn, kiujn oni rompas per reciproka frapeto.

*

Strangaj kutimoj estas ankoraŭ praktikataj ĉe la bulgaroj. Unu el la plej belaj kaj memorindaj estas la t. n Proŝtopalnik aŭ kuko okaze de la unuaj paŝoj de malgrandaj infanetoj, ĉirkaŭita de diversaj objektoj, laŭ kiuj oni antaŭdiras la estontecon de la infano.

Kiam la infaneto komencas stariĝi kaj provas paŝeti, ekregas granda ĝojo ĉe la familio. Baldaŭ okazos festo kaj la tuta kvartalo — parencoj kaj konatuloj — estas invitataj por la ceremonio. La malgrandul(in)o estas vestita per la plej belaj vestoj. Ornamita per ĉiuspecaj aferoj, oni enkondukas ĝin en la ĉambron, kie estas kunvenintaj la gastoj. Meze de l' ĉambro troviĝas malalta tablo sur kiu estas lokitaj diversaj objektoj: krajono, moneroj, ludiloj, libro, fadenbobeno, ktp. La infano, iom timigita meze de tiom da nekonataj figuroj, estas portata apud la tablon. Tie, post kiam ĝi ekzamenis dum kelkaj minutoj ĉiujn elmetitajn objektojn, ĝi etendas la maneton — ĉies spiro haltas — kaj prenas iun objekton . . . ekz. krajonon. Ĝojkrio trairas la ĉeestantaron. Efektive la krajono estas simbolo: la malgrandulo volas sin instrui, fariĝos scienculo! Kia elreviĝo por la patrino, se la infano estus preninta ludilon aŭ spegulon . . . Certe, ĝia „kismet" aŭ ĝia estonteco dependos de la elekto, kiun ĝi faros inter ĉiuj strangegaj objektoj. Ekzemple ormonero signifas komerciston, kruco — pastron, tranĉilo aŭ sabreto — buĉiston aŭ oficiron, ordeno — oficiston, kukoj — frandemulon, glaso da vino — gajulon aŭ drinkulon, florbukedeto — kavaliron aŭ virinamanton, libro — poeton, verkiston ktp.

Poste sekvas la donacoj, kiujn la gastoj disdonas al la etulo. Fine oni proponas refreŝaĵojn al ĉiuj, konfitaĵon de rozoj kaj turkan kafon en malgrandaj tasoj, laŭ bulgara kutimo, atendante la fotografiston, kiu devas senmortigi tiun scenon, al kiu oni alligas tiel grandan gravecon.

Eble, kredas la popolo, iu mistera volo miksiĝas en la hazardojn de tiu ĉi kutimo. Ne arbitre kaj blinde la infano kaptas tiun aŭ alian objekton, sed laŭ la forto de iu interna puŝo — la blinda sento, instinkto, prudenta, magnetismo gvidas la unuan movon de ĝia maneto . . . Eble tie ĉi manifestiĝas ankaŭ atavismo.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## KRONIKO.

### Aŭstrio.

*Wien.* — La Aŭstria Poŝt-Telegrafa Estraro eldonis cirkuleron pri Esperanto-kurso por ĉiuj siaj oficistoj, gvidota de S-ro Steiner, ĉefinspektoro. Okazis ekzamenoj ĉe la Aŭstria Esperanto-Instituto, 16 kandidatoj sukcesis. Zamenhofa festo kun 100 personoj, paroladis S-roj R. de Saussure (preterveturanta), Meŝtan, Jokl, Čech, k. a.

*Graz.* — Parolado de S-ro Smital el Wien. Kurso en realliceo, 22 lernantoj, gvidata de Prof. Hainschegg.

*Korneuburg.* — Urbestraro pagis kostojn de la kurso ĉe burĝlernejoj.

*Voitsberg.* — Kurso 7 personoj, gvidata de Prof. Schöpfer

### Belglando.

*Bruges.* — Parolado de Komandanto Verniers en salono de „Vieux Bruges".

### Brazilo.

*Rio de Janeiro.* — En la regna ĵurnalo „Diario Official. Estados Unidos do Brasil" ni legas sub la rubriko de „Secretarias de Estado" kvinkolonan raporton pri la Edinburga Kongreso, prezentitan de D-ro Carlos Domingues, delegito de Brazilo.

### Britlando.

*London.* — Novaj kursoj en 12 ejoj kun pli ol 200 lernantoj.

*Lancashire.* — Paroladoj de Prof. Collinson kaj F-ino Bewley.

*Edinburgh.* — Jarkunveno kun 160 personoj. 3 kursoj kun 130 personoj. Stando ĉe Eldonista Ekspozio.

*Woodseats-Sheffield.* — Memor-vespero Zamenhofa kun koncerto, 40 personoj. Funkcias 2 kursoj kun 40 personoj en regiono de Woodseats.

### Ĉeĥoslovakio.

*České Budějovice.* — Vesperfesto de loka Klubo, 18. XII., fondita ĝuste antaŭ 20 jaroj Paroladis: Generalo Rambousek, S-roj Svačina, Holub. Finis per koncerto.

*Kolin.* — Regiona kunveno de Centra kaj Orienta Bohemio, dediĉita al raportoj kaj diskutoj pri ĈAE, UEA kaj la venonta Paska Konferenco.

### Franclando.

*Dijon.* — Du kursoj kun 45 personoj, gvidata de S-ro Ferrain kaj S-ino Petit.

*Elbeuf.* — Parolado de S-ro Baudet. Kursoj gvidataj de S-ro Saget, ĉe Popola Universitato, Komerca Ĉambro, Industria Societo.

*Le Havre.* — Kursoj: gvidata de S-ro Leroux ĉe Popola Universitato (23 personoj), de F-ino Marie en Urbdomo (24 personoj), de S-ro Dubuisson ĉe Komercoficista Societo (4 personoj), ankaŭ ĉe Komerca Lernejo (40 personoj).

*Paris.* — Regulaj kunvenoj kaj paroladoj okazas en Sorbonne, kaj en Taverne du Nègre.

*Rennes.* — Kurso kun 37 personoj, gvidata de S-ro Jouis.

*Saint-Omer.* — La grupo akceptis mision organizi por la venonta jaro Kongreson de la Federacio de Nordfrancaj Esperantistoj. Kvar kursoj okazas ĉiusemajne: grupa kurso en la Komerca Ĉambro; tri kursoj en la Liceo.

*Valenciennes.* — Parolado de Prof. Vanverts en Palaco de la Akademioj; sekve komenciĝis kurso, gvidata de F-ino Barret.

### Germanio.

*Berlin.* — Mosse diskonigis la deklaron de Esperanto kiel „lingvo klara" per migranta lumreklamo en la plej frekventataj stratoj de Berlino.

*Chemnitz.* — Jarkunveno de Saksaj Instruistoj de Esperanto, nova prezidanto elektita S-ro W. Hahn, lernejestro.

*Dresden.* — Zamenhofa festo, dediĉita samtempe al memoro de ĵus mortinta Georg Arnhold. Paroladis S-ro von Frenkell, S-ino Hankel, S-ro Wallon, esperantisto de 1889, deklamis F-ino Zschepank.

— Jarfesto de la loka Societo 6. II. en Salono „Vereinshaus". La bedaŭrata G. Arnhold testamentis Rm. 500 al la loka Societo.

*Freiburg im Breisgau.* — 15. XII. Jarkunveno de Laborista Klubo „Progreso". Kurso por komencantoj en Reala Lernejo. 12. II. Familia vespero de la Klubo.

*Gera.* — 3. I. Parolado de F-ino M. Root pri Bahaa Movado, tradukis loka delegito.

*Hamburg.* — Zamenhofa vespero kun 65 personoj. Paroladis S-roj Senff, Minor; poste sekvis koncerto.

*Magdeburg.* — La grupo solene festis la 20-an datrevenon de sia fondiĝo. Paroladis S-ro Göring.

*Rheydt.* — Jarkunveno de societo „Rejnstelo", kun koncerto. Kursoj kun 73 personoj.

### Hindio Nederlanda.

*Soerabaia.* — Du kursoj funkcias gvidataj de protestanta pastro R. W. F. Kyftenbelt, kun 35 personoj, en protestanta preĝejo. Nova klubo fondita.

### Hispanio.

*Palma de Mallorca.* — Kurso gvidata de S-ro Joan Matas ĉe laborista societo C. R. T.

*Valencia.* — Komerca Ĉambro pagis 150 pesetojn por helpi al Esperanto-kurso ĉe Universitato.

### Hungario.

*Budapest.* — Parolado de D-ro Ch. Baudouin el Ĝenevo, dum kiu li menciis nian lingvon. Hinda poeto R. Tagore estis intervjuita de esperantistoj kaj esprimis sin favore pri valoro de nia movado.

*Debreczen.* — Dum Decembro aperis 26 artikoloj pri Esperanto en lokaj ĵurnaloj.

### Irlando.

*Dublin.* — Disradiado de S-ro R. Mortished, prezidanto de Irlanda Esperanto-Asocio, per ondo 319,1.

### Italio.

*Brescia.* — Du kursoj ĉe „Circolo Filologico" kaj „Instituto Moretto" gvidotaj de Prof. Facchi. Tria kurso ĉe komunuma lernejo.

*Udine.* — Jarkunveno de loka grupo, elektita estraro: S-roj F. Bodini, R. Vannucchi, G.ᵉDolce, A. Zilli, G. Della Savia, G. Da Torno, D-ro Biondi. Kurso kun 30 personoj ĉe Reĝa Teknika Instituto, gvidata de S-ro Della Savia.

### Latvio.

*Riga.* — Parolado de S-ro Krastinŝ antaŭ 60 laboristoj-socialistoj. Rezulte fondiĝis laborista grupo por studi Esperanton laŭ „Petro".

## Litovio.

*Kaunas.* — Parolanta Klubo, 20 personoj, kunvenas ĉiusabate, por perfektiĝi en Esperanto.

*Viŝtytis.* — Nova kurso por lima policistaro, gvidata de S-ro Kasperavicius, kun 15 personoj.

## Madeira-Insulo.

*Funchal.* — Kursoj: gvidata de S-ro Pereira ĉe Komerca Ateneo, de S-ro Barros e Sonja ĉe Milita-Kolegio, de S-ro Humberto ĉe la grupa „Madeira Verda Stelo".

## Nederlando.

*Tilburg.* — Parolado de ĵabato W. van Zon, sekve aniĝis 200 lernantoj. En Nimega skriba kurso partoprenas 588 tilburganoj.

## Pollando.

*Bedzin.* — Parolado de D-ro Dreher el Kraków antaŭ ĉirkaŭ 100 personoj.

*Cieczyn.* — En pola kaj ĉeĥoslovaka partoj de la urbo agas kaj instruas tre sukcese s-ano Krysta.

*Kraków.* — La Tutpollanda Esperanta Konferenco sekvigis intereson por Esperanto, kiun ankoraŭ pligrandigis tuj poste aranĝita propagando per afiŝoj, flugfolioj, gazetkomunikoj kaj kinoreklamoj. La kursoj de „Socia Esperanto" arigis ĉirkaŭ 50 lernantojn, krom rondetoj privataj. Kurson por kuracistoj gvidas D-ro Blassberg.

*Lwów.* — Kursoj de s-ano Schnützer.

*Pabjanice.* — Kurso ĉe gimnazio.

*Sosnowice.* — Krom oficiala vesperlerneja instruado kurso de S-ro Ozechowski.

*Przemysl.* — Propaganda vespero 19. XII. kun parolado de S-ro H. Schnützer el Lwów, kaj koncerto. Klubo kaj kurso fonditaj, dank' al klopodoj de S-ino Tuszkiewicz.

*Warszawa.* — Jarkunveno de Akademia Esperanta Rondo ĉe Juda Akademia Hejmo. Nova estraro: S-roj Folman prezidanto, Zysman vic-prezidanto, Przysuskier kaj Bajerówna sekretarioj, Dratwer, Najmanowicz, Szyff sekciestroj.

## Rumanio.

*Bucuresti.* — Solena ekzameno en liceo Libros post dusemajna kurso de S-ro Morariu. Pluraj premioj estis disdonitaj de S-ro Fischer-Galati. Dua kurso komenciĝis en sama liceo, gvidata de S-ro Dinca. Loka samideano S-ro Prager foriris al Antverpeno, adiaŭita en amikvespero. R. Tagore, kiu vizitis la urbon, estis intervjuita de esperantista grupo, al kiu li interalie diris ke „Esperanto estas grava batalilo pacifista". Jarfina vesperbankedo okazis, paroladis D-ro Olŝvanger el Londono, S-ro Süssmann el Wien, S-ro Fischer-Galati dankis al forironta S-ro Morariu pro lia kvarjara laboro. Esperanto instruata en Komerca Lernejo, 120 lernantoj gvidataj de S-roj Harabagiu kaj Timiŝ.

*Braŝov.* — Zamenhofa festo, pri tio raportis loka ĵurnalo.

*Cluj.* — Propaganda vizito de S-ro A. Ĉe, sekve de tio la solenkunveno de loka grupo.

## Sovet-Unio.

*Tver.* — Gubernia Komitato dissendas cirkulerojn pri subteno de Esperanto. 300 infanoj lernas nian lingvon kiel nedevigan instruon en lernejoj.

*Ĥarkov.* — Laborista revuo „Rabočij Klub" havas regulan Esperanto-angulon.

## Sudslavio.

*Zagreb.* — Dekano de jura Fakultato rekomendis al la studentoj viziti Esperanto-kurson de D-ro Maruzzi. En la stacidomo nova kurso, 15 personoj, gvidata de S-ro Puhalo. S-ro Hohlov disradias esperante el loka stacio.

*Ljubljana.* — Kurso kun 35 lernantoj gvidata de S-ro Herkov.

*Maribor.* — Klubaj kunvenoj en „Cercle Français". Kurso por instruistoj gvidata de Prof. Rakuŝa. Alia kurso por laboristoj en popollernejo.

*Senta.* — Nova grupo fondita, kaj kurso gvidata de S-ro Farkas Barati, Del. de UEA.

## Svedio.

*Malmö.* — Vesperfesto kun koncerto, 50 personoj. Ekspozicio ĉe A. B. F. (kleriga Laborista Asocio).

## Usono.

*Berkeley.* — Jarkunveno de Kalifornia Asocio: elektita nova estraro: S-roj Ames, Vinzent, Kawecki, Rogers, Rosher, S-inoj Marshall, Mills, Van Sloun.

*Flint-Michigan.* — Klubo kaj kurso ĉe la Komerca Ĉambro; regula artikolaro en loka ĵurnalo „The Flint Daily Journal"; ĉio dank' al nia Del. S-ro S. Jaffe.

*Minneapolis.* — Perradia instruado de D-ro E. Clarke, profesoro de sociologio en Universitato de Minnesota, sekve de tio vendiĝis 1700 lernolibroj. Samtempe li organizis priesperantan enketon, vidu „En kelkaj linioj".

*San Francisko.* — Parolado de S-ro Brewster ĉe klubo „Inner Circle". Zamenhofa memorfesto en la Oficejo de S-ro Brewster.

# Lyon kaj Esperanto.

Lyon estas unu el la urboj kiuj ĉiam multe interesiĝis pri la ideo de internacia lingvo.

Unu el la plej viglaj pioniroj estis F-ino Zabilon d'Her, nun S-ino Ranfaing, kiu kun granda kuraĝo iniciatis ĉirkaŭ 1900 la esperantistan propagandon en nia urbo, kaj nun, post kvarono da jarcento, povas kun ia kontenteco sin konsideri kvazaŭ la patrino de nia granda Lyon'a esp. familio.

En 1902 estis fondita la Esperantista Grupo, kiu ĉiam kun fiero konservas la memoron de tiaj prezidantoj kiel Doktoro Dor kaj Prof. Cohendy.

S-ino Farges estas jam de longaj jaroj la animo de tiu grupo, tasko, kiun ŝi dividis kun S-ro Poncet ĝis la momento kiam li forlasis Lyon'on.

En 1904 estis fondita la Esp. Amikaro, kies Prezidanto S-ro Drudin, kaj Sekretario, S-ro Pouchot ĉiam ĝin kondukis kun lerteco kaj persistemo.

Poste aperis la Laborista Grupo kiu multon realigis por la disvastigo de Esperanto ĉe la Laboristoj.

Fine ekstaris antaŭ 3 jaroj la Esp. Studenta Klubo, kiu, sub la prezido de S-ro Ch. Despeyroux akiris al la movado multajn novajn adeptojn el la universitataj rondoj.

La honora prezidanto de tiu klubo estas S-ro Ehrhard, Dekano de la Literatura Fakultato, kiu afable metis ĉambron de tiu Fakultato al la dispono de la Klubo, por ĝiaj ĉiusemajnaj kunvenoj.

Tiu klubo iniciatis la kreon de aliaj esperantistaj studentaj kluboj en diversaj francaj urboj, kaj la 1-an de Novembro 1926 okazis konferenco de ĉiuj tiuj kluboj en kiu oni starigis Francan Esp. Studentan Federacion.

Ĉiuj el tiuj societoj, kiuj kunvenas lundon, mardon, merkredon kaj ĵaŭdon, organizas unu aŭ plurajn kursojn, festojn, konferencojn, ktp.

La plej perfekta harmonio neniam ĉesis regi iliajn rilatojn, kaj speciale kortuŝa estis la simpatio kaj la afableco kun kiuj la pli maljunaj grupoj ĉirkaŭis la kreon de la juna studenta klubo.

La lasta manifestacio de tiu modela konkordo okazis je la 15-a de Decembro, kiam ĉiuj Lyon'aj esperantistaj societoj kunvenis por kune festi la datrevenon de Zamenhof.

# Tekniko.

## Nova forno por fer- kaj ŝtalfando kaj produktado de kruda fero.

La ĝisnunaj sistemoj de la fandfornoj (elektro-, oleo- kaj gasflamfornoj) por la produktado de specialfando kelkrilate estas ankoraŭ mankhavaj kaj ne sufiĉe ekonomiaj.

La maniero de materialenigo en la oleoflamfornojn plej ofte estas ankoraŭ malfacila kaj neekonomia kaj celcerta plibonigo de la fandita substanco preskaŭ neebla.

Malfacila estas la sensulfigo aŭ maloksidigo. Oni ja forigas parton de la skorio, sed plena forigo estas preskaŭ neebla. Tiamaniere restas parto de la skorioj en la fornoj, precipe la silik-acidkunigoj, argilo kaj feroksigenkuniĝoj, kiuj kaŭzas la malmolajn kaj rompeblajn partojn en la fandita objekto. Pro tio estas ankaŭ forte malhelpata la kreo de neŭtraliga skorio. La rapida forbrulo de la izolaĵo estas eĉ grava malbonaĵo de la konata oleoflamforno (Kupolforno) de Wüst.

Tute nova sistemo de oleoflamforno, enskribita ĉe la patentoficejo en Berlin al celo de patentigo — Sistemo Bührer — esperigas grandan reformon de la nunaj sistemoj. Ĝi permesas detalan, la ĝisnunajn mankojn forigantan, prilaboradon de la fandmaterialo dum la fandproceso. Helpe de speciala instalaĵo oni ne nur povas forigi ĉiujn malpuraĵojn, sed ankaŭ maloksidigi kaj dissolvi la miskristalojn kaj la fandhaŭton.

Pro tiu specialeco de la forno povas esti uzataj malmultekostaj, ĉie facile haveblaj krudmaterialoj eĉ malplivaloraj kaj aldonante certajn kemiajn substancojn oni povas laŭplaĉe produkti ĉiuspecajn fanditajn ŝtalojn kaj ferojn (forĝebla fando, griza fando, altfirmeca fando, malmola fando, fando por cilindroj kaj fando nebrula.)

Plue povas esti produktata helpe de la nova forno la sinteza krudfero, kiun oni ĝis nun klopodis produkti per la elektrofornoj. Al tiu celo devas esti aldonata al la forno kompletiga instalaĵo.

Dum la ĝis nun plej bona forno — la elektroforno — laŭ la vidpunkto de fabrikado kaj funkciado kaŭzas tre altajn elspezojn, la nova oleoflamforno povas esti konstruata kaj funkciigata kun relative tre malaltaj kostoj. Pro la intensa eluzo de la varmo la konsumo de brulaĵo estos ankoraŭ malpli ol 10 % de la enmetitaj krudmaterialoj, dum la ĝis nun minimuma konsumo de la plej ekonomia kupolforno estis inter 14—16 %.

La specialeco de la konstrutipo permesas ankaŭ, post kelkaj ŝanĝoj, la uzon de gaso, kio estas grava por regionoj malriĉaj je oleoj, sed riĉaj je gasoj.

Konklude oni povas diri, ke tiu teknika novaĵo prezentas fandfornon, kiu ebligas produkti, helpe de plej malmultekostaj krudmaterialoj kaj sen grandaj elspezoj por la funkciigado, precize difineblajn fandaĵojn kaj sintezan krudferon.

La nova forno promesas do fariĝi nova helpanto sur la vojo al teknika perfekteco kaj volonte vidata gasto en la granda kampo de ekonomia ŝparo.

Originale verkis *August Omlor*, St. Ingbert (Saar).

Teknikistoj kaj industriistoj interesataj de la nova forno povas demandi detalojn de la verkinto, Ĉefdelegito de UEA por Saarteritorio.

**Kun tiu ĉi numero estas sendataj mendiloj de la Libroservo de UEA je kiu ni atentigas la libroamantojn!**

◆

# Naŭdekjara festo de germana industriisto.

La 23-an de Decembro la industriisto



Heinrich Mundlos

en Magdeburg (Germanlando) ĝisvivis sian 90-an naskiĝtagon. Li estas la fondinto de la mondfama fakriko de kudromaŝinoj „Mundlos" (antaŭe Original Victoria) kaj la lasta ankoraŭ vivanta pioniro kaj kunfondinto de la germana industrio de kudromaŝinoj. 26-jara li fondis post migradaj jaroj la nunan fabrikon. Kvankam la komenco ne estis facila, lia entrepreno bone prosperis dank' al la bona kvalito de la maŝinoj, kaj kelkfoje li devis ŝanĝi la ejon pro pligrandigo. Fine en 1884 li konstruigis grandan fabrikejon en Magdeburg-Neustadt. Senlace li laboris, la entrepreno daŭre kreskis kaj hodiaŭ la fabriko estas unu el la plej grandaj en Germanlando. La „Mundlos"-maŝinoj estas fame konataj en la tuta mondo pro unuaklasa kvalito kaj granda laborkapableco. En 1920 la entrepreno fariĝis Akcia Societo. —



La nuna firmao Mundlos Aktien-Gesellschaft bone ekkonis la valoron de internacia helplingvo, ĝi korespondas en Esperanto kaj subtenas nian movadon.

# Esperantista parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ S-ino *Hannie Jakob-Notz,* membro de UEA en Genève, afable dankas S-ron Piatti, Del. en Milano pro akurata kaj ripetita servo.

∴ S-ro *O. Avsec,* ano de UEA 28178 en Ljubljana plej elkore dankas al Sudslava Esperanto-Servo kaj S-ro universitata profesoro D-ro Maruzzi, Del. de UEA en Zagreb pro grandaj servoj koncerne anglan enveturpermeson.

∴ Al S-ro *De Saldanha Carreira,* Lisboa delegito, la sincera danko de F-ino G. de Woort, Box 23, Hilversum, pro lia afabla kaj bone prizorgita plenumado de ŝiaj petoj.

∴ S-ro *M. Jagodo* de Ostroleka kore dankas la S-ron A. Prager prezidanto de O. K. T. E. F. de Moskvo por baldaŭa plenumo de mia peto kaj por belaj Esperant-propagandiloj.

∴ S-ro *L. G. Avid,* Coursan-Aude (Francio), korege dankas S-ro Léon Beaumel, UEA-delegito en Toulouse (Francio) pro grava servo.

∴ D-ro *V. Bruck,* Roma dankas al S-roj Monić kaj Narosnyk Maslač, Del. en Dubrovnik, S-roj Balkanyi, Kiss kaj Zimmermann Budapest, S-ro Borowski en Praha pro afablaj servoj dum lia vojaĝo.

∴ Anoj de la *„Stelo“* esprimas sian koran dankon al la ludintoj de „La Urso“: S-ino Raviola, S-roj Gendre kaj Elmiger, kaj al la organizinto: S-ino Nadja Umanskaja.

# Esperantista vivo.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Jaroslav Šustr* kun F-ino *Anežka Nováková,* en Praha, ambaŭ anoj de UEA.

— S-ro *Walter Rose* kun F-ino *Hedwig Kessen,* en Hagen-Bissingheim.

— S-ro *Samuel Monderer,* Del. en Andrychów kun F-ino *Maryla Grzyb.*

— S-ro *Franz Dreiskemper* kun F-ino *Anny Stroop,* en Delbrück.

**Edziĝo.** — S-ro *Karl Sommer,* Markneukirchen kun F-ino *Dora Kirbach,* Dresden.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Roko* kaj *Blanka Pavoković,* Del. de UEA en Virovitica, Sudslavio, naskiĝis filo nomita Branko-Marian.

— Al Ges-roj *Rudolf Michael* kaj *Johanna Frey,* Del. en Wien, naskiĝis filo Rudolf-Maximilian, kiun la gepatroj instruos samtempe en la germana kaj la esperanta lingvoj.

**Distingiĝo.** — D-ro *V. Bruck,* Roma, fariĝis konsulo de Luksemburgo en Roma.

**Kun**
**tiu ĉi numero estas sendata**
**N-ro 20 de la Bulteno de l' Internacia**
**Labora Oficejo.**

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

La Loka Societo Dresden de Germana Esperanto-Asocio havis grandan perdon per la neatendita morto de sia honora membro:

Sekreta komerc-konsilanto **Georg Arnhold.**

Sukcesa bankisto, senior-ĉefo de la konata bankejo Gebr. Arnhold, patro de D-ro Heinrich Arnhold, pioniro de nia movado, la mortinto ĉiam subtenis ĉion, kio helpis progresigi la kulturon de la homaro; lia vasta horizonto baldaŭ kondukis lin ankaŭ al Esperanto, al kiu li dum preskaŭ 20 jaroj estis fidela kaj pri la fina venko same sur ideala kiel sur praktika kampo konvinkita ano. La Dresdena Societo nomis lin fiere sia honora membro kaj dediĉis al li okaze de la 20-jara unuiĝa jubileo la Zamenhof-plaketon „Pro fideleco“. Liaj meritoj pri Esperanto neniam estos forgesataj! Li ripozu en paco!

F-ino **Maria Antonietta Camurri** en Roma.

S-ino **Maria Nedoŝivina,** en Paris, edzino de konata rusa samideano S-ro A. M. Nedoŝivin (Kovno, Petrograd, Paris).

S-ro **Cestre,** okdekkvarjara, licea eksprofesoro en Auxerre; li estis el la unuaj esperantistoj en Franclando, ĉeestis kvar unuajn kongresojn; en 1903 li estis farita kavaliro de la Honora Legio.

S-ro **A. Robin,** instruisto en Ecouflant, fondinta de la gazeto „Esperantista Junularo“ kaj de UEAJ (Universala Esperanto-Asocio Junula).

S-ro **Ferdinand Hartwich,** 63-jara inĝeniero en Wien, honora prezidinto de la Unua Esperanto-Unuiĝo, mortis la 26-an de Oktobro. Li enkondukis nian lingvon en Radio-Wien.

S-ro **Aleksandr Kolĉin,** bibliotekisto el Samara, eksdelegito de UEA, sin mortigis pro netolerebla vivo, en Borzna, Ukrajno.

S-ro **Kurt Steinbock,** Berlin, estante 25-jara, libervole forlasis nin la 25-an de Septembro 1926.

D-ro Edmond Privat kortuŝe dankas ĉiujn grupojn kaj samideanojn simpatie skribintajn al li pro la morto de lia patro kaj petas pardonon, ke li ne povis respondi al ĉiuj individue.

## Verda Libertempo 1927.

Estas intencate aranĝi antaŭ kaj post la Germana Esperanto-Kongreso en Köln (Pasko 1927) mallonga (5-taga) Verda Libertempo je favora prezo, se troviĝos sufiĉe da partoprenantoj. La esenco estas konata per la publikigoj en la antaŭaj jaroj. Centro estos Bad Ems. Ekskursoj al Koblenz (Ehrenbreitstein), kasteloj Nassau kaj Stein, Marksburg, la Lorelejo ktp. estas projektataj. La prezo por loĝado, manĝoj inkluzive ekskursoj kaj apudkostoj (servomono) estos ĉirkaŭe 40 RM. Sendube multaj kongresanoj havos la deziron, ekkoni la romantikan parton de la Rejna valo kaj pasigi post la kongreso ankoraŭ kelkajn tagojn kun gesamideanoj.

Interesuloj bonvolu simple informi S-ron L. Funken (VL), UEA-delegito, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germanujo. Por respondo aldono de afranko estas dezirata. (Por komuna alveturo de la kongreso estos zorgata.)

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Garibaldi 20 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigata

**Solvoj:** 137 = 1, 2, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 5, 9 = Termopiloj; — 138 = Hundo; 139 = Kat en o; — 140 = P ar o; — 141 = Triangulo; — 142 = Tri liono; — 143 = peco, peĉo, pego, peko, peno, pelo; — 144 = Wels, anim', lami', tort', enua, real'.

145. **Ŝtupareto.**




5: De|ar' unuaĵero | 6, 2': inklinon montras ĝi | 7, 3, 1: malpura parazita | insekt' malbonodora | senkapigita | 8, 4: konstruaĵo por loĝi | sen fundamento | kaj sen tegmento | 9: komenc' kaj fino estas de la nomo | de la unua ulo | de famili' sennombra. | 1: per jena aĵ' Ĝioto | en la pentrarto pruvis | lertecon sian | 2, 3, 4: trimil valoris foje | 5, 6, 7, 8, 9: modesta jen komeno de la scio | 5, 2, 1: inklin' pasia estas | 9, 4, 1: alkoholaĵ' sen kapo.

146. **Rebuso.**

Eks-diaĵo.

R ← E ← M + (Ago de kuranto)

147. **Prapatrino.**

De l' juneco diino de dentisto | elŝirigis al si | unu denton, kaj ĝin anstataŭigis | per alia: aperis | de l' homar' prapatrino.

148. **Jara parto.**

Konjunkci' esceptanta kaj fiŝego | jen jara parto.

**Alumetludoj.**

149. **Finota vorto.**

F • • • A M • • • O

Faru el 18 alumetoj 6 aliajn literojn, kaj iliu metu inter ĉi tiujn por ricevi vorton signifantan aĵon, al kiu ni ĉiam restos fidelaj. E. Wiesenfeld, Varsovio.

150. **Urbeg' eŭropa.**

Kvar alumetojn | ŝanĝu de loko | por aliigi | de l' kor' ĉagrenon | en apudmaran | tre grandan urbon | de Sudeŭropo.

^
J
A
L
U
Z
O

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 195.**
*R. Svoboda,* Praha
(Originalo)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 196.**
*A. Urŝiĉ*
(Dom i svet 1907)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 197.**
D-ro *E. Palkoska*
(Nár. Politika 1909)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 198.**
*D. Rydlo*
(Neděle 1905)



Blanko matas per la 2-a movo.

Kelkfoje ni ricevas solvojn de la problemoj, kiuj venas el manoj ankoraŭ ne spertaj. En ĉi tiuj solvoj oni ofte faras gravan eraron, ne komprenante ĝuste la postulon de la problemo. Se ekzemple la postulo vortas *„Blanko matas per la 2-a movo"* tiam oni komprenu, ke Blanko volas mati Nigron perforte, kontraŭ la volo de Nigro. Nigro neniam kunhelpu sin mem mati, sed penu uzi ĉiujn rimedojn por malebligi la postulatan rezulton. Same oni agas en la sinmato. Tie ordonas Blanko al Nigro, ke li matu Blankon; sed Nigro ne volas tion fari, li penas eviti ĉiun movon, ebligantan la maton. Nur la blanka partio agas laŭ la postulo de la problemo, nigra partio kontraŭas tiun postulon kaj rezulte pro la taŭgaj defendmovoj de Nigro oni ofte renkontas tiom da kuriozaj movoj de Blanko.

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 191: (oni forigu Pf5) 1. f2—f4, Ke6×d5, 2. Kc4—d3 m.; Ke6—f5, 2. Td5—d4 m.; g5×f4, 2. Ĉh3—g5 m.; b6—b5, 2. Ĉb3—c5 m.; c3—c2, 2. Ĉb3—d2 m.; Ĉg4 movas, 2. Td5—e5 m.

N-ro 192: 1. e2—e4, f4×e3 pas., 2. Te8—c8+, Rc4—d4, 3. Kb4—c3 m.; 1. —, Rc4—d4, 2. e4×f5, ∽, 3. Te8—e4 m.; 1. —, ∽, 2. Ka6+, Rc4—d4, 3. Ĉe1—c2 m.

N-ro 193: 1. Kc4—d3, Kd1×b3, 2. Kd3—b5, ∽, 3. b2—b4 m.; 1. –, K ∽, 2. b3—b4+, Ra5—a4, 3. Kd3—c2 m.

N-ro 194: 1. Ĉd5—e3, Ĉc5×e4, 2. f3—f4+, Re5×f4 aŭ Rd4, 3. Ĉc1—d3 aŭ Ĉc1—b3 m.; 1. —, Rd4 aŭ f4, 2. Ĉc1—e2+, Re5, 3. d2—d4 m.; 1. — post alia movo, 2. Ĉc1—e2, ∽, 3. d2—d4 aŭ f3—f4 aŭ Ĉe3—g4 m.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 187, 188, 189 R. Koerselman, Voorst; 188, 189, 191, 193 S. Frantz, Paris; 188—194 H. Steding, Bremen; 191, 192, 193 D-ro Linder, Pforzheim.

### *Korespondo kaj sciigoj:*

S-ro Steding. N-ro 175 estis korektita en la Aŭgusta N-ro. — S-ro Bailey. N-ro 191 estas identa je problemo Bl. Rh7, Te5, Kd6, g6, Ng. Rf6, Kc8, Ĉg8, h6 ktp.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bIl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Tarifo:

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0.50, 0.40, 2 pesos oro; **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kč.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.; **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro; **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.; **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.; **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio:** 1, 0.75, 2.50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot.; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra kaj Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Afriko.

**Cape-Town.** S-ro Emanuel Rozenstein, studanto, Box 1148, PM, PI, gaz., kaj korespondas pri diversaj temoj kĉl., ĉiam respondas.

### Argentino.

**Bahía Blanca.** S-ro Vincento Orlando, Str. Darragueira 259, PM kun rusoj, amerikanoj kaj azianoj.

### Aŭstrio.

**Wien.** S-ro Franz Wolimann, Hegelgasse 14, PM kĉl., ĉeĥoslovakaj laŭ Michel aŭ Senff.

### Belglando.

**Borgerhout-Antwerpen.** S-ro Theo Verschueren, 44 Oedenkoven Str., PM.

**Ninove.** S-ro L. Cogen, pacjuĝisto, 52 Drève, sin interesas al lingvoj, stenografiaj sistemoj, skribhistorio kaj muziknotadoj aŭtonoma kaj aliaj.

### Brazilo.

**Sao Paulo.** S-ro Joh. Stuiber, rua Major Diego 7, Estado de Sao Paulo, L, PI kĉl.

### Bulgario.

**Sv. Vrač.** S-ro I Patronef, komerca bakalaŭro, L, PI kĉl.

**Stanimaka.** S-ro Kristo Georgiev, 25-jara, juĝejoficisto, ul. sv. Troica 2, L, PI kun samaĝaj kĉl.

**Stanimaka.** S-ro Kiril D. Buzdroff, 22-jara, tabakoficisto, str. Asparuh 1, kun sveltaj fraŭlinoj L, PI kĉl., nepre respondos.

**Stanimaka.** S-ro Hristo Marinov, str. Car Asen 23, L, PI bfl, esperantaĵojn kĉl.

### Ĉeĥoslovakio.

**Holešov.** S-ro D-ro J. Palacký, advokato, PM kĉl. kun progresintaj filatelistoj, korespondas angle, france, germane, esperante. Sendu rekomendite. Respondas certe kaj tuj.

**Úpice.** S-ro Richard Weil, numismatikisto, ĉeĥoslovakajn PM kontraŭ papera (ne plu valida) kaj alia mono de la tuta mondo (helpmono dummilita ne akceptata).

**Úpice.** S-ro Josef Kufak, ĉe firmo V. J. Ehl, presejo, PI bfl, gazetojn esperante, france, angle, germane.

### Finnlando.

**Kerava.** S-ro Ensio Laine, PI kĉl., PM kĉl., escepte ĉeĥaj kaj hungaraj.

**Loimaa.** S-ro Armas Numminen, L, PI kĉl., nepre respondas.

**Pori.** S-ro Toivo Setälä, Rülick 19, PM kĉl., donas PM de Finnlando, Aunus, Inkerio kaj Karelio.

**Waasa.** S-ro Joachim Buss, fervojoficisto, Palosaari 50, L, PI kun gesamideanoj ĉl.

---

**Pro malsaniĝo je gripo pluraj oficistoj ne povas labori. Ni petas senkulpigi la prokraston en la korespondado.**

**Centra Oficejo de UEA.**

### Franclando.

**Boulogne-sur-mer.** S-ro E. Barthélémy, 144 rue de Calais, PM puraj nestampitaj, de 500 ĝis 1000, kĉl., rekomendu sendaĵon.

**Colmar.** S-ro E. Zimmermann, UEA-del., 9 rue des Moulins, PM kĉl., ne sendas unue, ĉiam respondas.

**Fleury-les-Aubrais (Orléans).** S-ro M. Mollon, rue de Hermitage, L, PI kun fraŭlinoj turkaj, persaj, rusaj, aziaj.

**Menétou-Salon (Cher).** S-ro Branchu, PI kun ekstereŭropanoj. Ĉiam respondas

### Germanio.

**Breslau 5.** S-ro R. E. Jarosch, Augustastr. 29, PI kĉl. Certe respondos. Memorigas la ĝisnunajn korespondintojn.

**Breslau 18.** F-ino Lydia Schmidt, Ahornallee 6, L, PI, fotoj kun palmarboj, humorkartoj, PM, papermonon kĉl.

**Dresden-A. 19.** S-ino Camilla Fürth, Carlowitzstr. 28, deziras interŝanĝi ideojn kaj PM kun ĉiuj escepte el Usono kaj Ĉeĥoslovakio. Certe respondas.

**Dresden-A.** S-ro Dr. Bernhard Kreyssig, Permoser Str. 10, L, PI kĉl.

**Ebersbach, Sa.** S-ro Arthur Kirchhübel, UEA-del., Hauptstr. 513, PI, L kĉl. pri amatorfotografado, kolektas kaj interŝanĝas ĉiajn esperantaĵojn.

**Ebersbach, Sa.** S-ro Martin Wünsche, N-ro 698, PI, L kĉl.

**Ebersbach, Sa.** S-ro Hermann Bergmann, N-ro 643, PI, L kĉl. pri diversaj temoj.

**Ebersbach, Sa.** S-ro Willy Bergmann, N-ro 756, PI, L kĉl. pri muziko kaj fotografado.

**Flensburg.** S-ro Peter Andresen, Katharinenstr. 7, PI kĉl.

**Flensburg.** S-ino Elfriede Hoffmann, Clädenstr. 9, II, ĉe Petersen, PI kĉl.

**Gera.** S-ro Curt Ostermann, Blücherstr. 55, II, PI bfl, esperantajn gazetojn, PM kĉl., precipe kun Rusio, Palestino kaj Oriento.

**Gera.** S-ro Felix Romroth, Viktoriastr. 49, proprajn desegnaĵojn kaj pentraĵojn kontraŭ japanaj.

**Gera.** S-ro Richard Schneider, Körnerstr. 28, I, PM kĉl., prizorgas objektojn kontraŭ respondkuponoj.

**Horrem, Bez. Köln.** S-ro Heinz Pfeil, PM, PI kaj esp-aĵojn. Tuj kaj certe respondos.

**Magdeburg.** S-ro Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Sandtorstrasse 8, I, serĉas por siaj ĉirkaŭ 40 lernantoj 12—14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanoj prefere kun kelkiuj el ekstereŭropaj landoj.

**Papstdorf N-ro 15 (Sächs. Schweiz).** S-ro Walter Oehme, tornisto, L, PI kĉl.

**Pirna.** S-ro Friedrich Wetzig, komerca oficisto, Kamenzer Str. 6, L, PI kĉl.

**Pirna.** S-ro Oskar Fischer, komercisto, Bergstr. 30, L, PI kĉl.

**Pirna.** S-ro P. Glöckner, Gartenstr. 32, L, PI kĉl.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Amadeo Ribera, str. Paseo del Triunfo 69-1º, PM kĉl. Responde garantiita.

**Madrid.** S-ro Jacinto Martin, Castelló 3, L, PI pri arto kĉl.

**Madrid.** S-ro Rafael Martinez, Castelló, 2 - Lecheria, L, PI pri arto kĉl.

**Palma de Mallorca.** S-ro Andrés Fiol, str. Peregil 9, PM kun Persujo, Egipto, kaj Sud-Ameriko. Ĉiam respondas.

**San-Feliu de Guixols.** S-ro Victor Lluis, Calle Aden 9, UEA-delegito, L, PI kĉl., precipe kun fraŭlinoj, vidvinoj, tuj respondas.

**Sevilla.** S-ino Angeles Jimenez Oliver, Str. Quevedo 11, nur PM, PI kaj fotografaĵoj, korespondas france, hispane kaj esperante.

### Hungario.

**Jaszberény.** S-ro A. Strausz, Tót-ucca 7, PM.

### Italio.

**Padova.** S-ro Gobbato Tullio, via Fabbri 1, PM kĉl.

**Torino (18).** S-ro Gatti Mario, Via Sacchi 15, PM kĉl., certe interŝanĝos kun jubileaj kaj koloniaj PM.

**Trofarello (Torino).** F-ino Balbo Cleo, likvorfabrikejo, PM, PI kĉl., certe respondos al ĉiuj.

**Venezia.** S-ro Guido Secchieri, SS. Apostoli 5623, PK, L kĉl., precipe fotojn de esperantaj grupoj. Nepre respondas.

### Japanlando.

**Kioto.** S-ro Takeo Karakawa, Denki-kogaku-ka, Kioto Teikoku Daigaku, PM, PI kĉl.

### Maroko.

**Melilla.** S-ro Vicente Fraga Pauls, soldato ĉe Compania de Mar, Hispana Ŝiparo, L, PI kĉl.

### Meksiko.

**Tampico.** S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj, fraŭlinoj aŭ seriozaj studentoj.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

### Pollando.

**Dubno-Wolyn.** S-ro M. Lichtensztejn, Del. de UEA, Skrzynka Pocz. 74, bonajn PM kontraŭ esperantaĵoj.

**Lwow.** S-ro J. Kucharz, Na Blonie 54-a, PI bfl nur kun Japanio, Ĉinio, Palestino.

**Zagozdzon.** S-ro W. W. P. T. Tomalik, PM laŭ katalogo „Yvert et Tellier".

### Rumanio.

**Arad.** S-ro A. Weisz, P. A. Jancu 13, kun inteligentaj samideaninoj pri diversaj temoj, fotojn kĉl.

**Bocsa-Montana.** S-ro Jozefo Urbanek, Uzina Electrica, PI bfl.

**Braila.** S-ro Emanoil Catz, str. Sft. Petru 23, PM, PI kĉl.

**Bucurešti.** S-ro Sami Zalmanovici, str. Nerva Traian 58, L kun araba palestinano pri socio kaj politiko en Palestino.

**Cimišlia.** F-ino Kleopatra Aptekar, L, PI kun ĉinoj kaj japanoj.
**Cimišlia.** S-ro Manea Leticever, L, PI kun amerikanoj.
**Cimišlia.** F-ino Anna Stuchelman, L, PI kun eŭropanoj.
**Lonea, Hunedoara** (Transilvania). S-ro Dumitru Branga, studento, PM kĉl. Sendu 100—300 PM por samkvanto mialanda. Ĉiam respondas.
**Pui** (Transilvania). S-ro Fernando Pokanski, studento, PM kaj PI kun konscienca kolektantoj. Almenaŭ 100—300 kĉl. Certe respondos.

### Saarteritorio.

**Neunkirchen, Saar.** S-ro Karl Koch, librotenisto, Heizengasse 13, kun francoj pri komercaj aferoj.
**Neunkirchen, Saar.** S-ro Peter Lindemer, bankoficisto, Schlossstr. 13, PM.
**Neunkirchen, Saar.** S-ro Walter Leibenguth, buĉisto, Viktoriastr. 7, PI bfl.*
**Neunkirchen, Saar.** F-ino Anna Hey, Wellesweiler Str. 124, L, PI.
**Neunkirchen, Saar.** F-ino Berta Frank, Wellesweiler Str. 116, L, PI.

### Sovetunio.

**Leningrad.** S-ro S. D. Ivanov, ul. 3 Julia 15, kv. 42, PI bfl nur kun Romo, Grekio, Turkio, Jugoslavio, Oceanio, nepre respondas.
**Moskva.** S-ro A. Prager, Postbox 605, serĉas korespondantojn-fotografistojn kĉl. por organizi internacian asocion de fotografistoj. Ankaŭ korespondas PI bfl.
**Rostov-na-Donu.** S-ro A. Sidorov, Poĉt. jaŝĉik 347, ĉiutemaj L, PI kĉl.

### Sudslavio.

**Sv. Lovrenc** (kod. Maribor-a). F-ino Rezi Forstner, PI bfl kĉl.

### Usono.

**Anita** (Iowa). S-ro Lyell P. Hadley, traŭlo, L, PK kĉl., prefere kun inoj, fot-ajoj.
**Mitchell, S.-Dak.** S-ro S. H. Gribbons, Faith Home, pri Nova Kristanismo kĉl., nepre respondas.
**New York.** F-ino N. Berns, 260 82 nd Street, Borough of Brooklyn, PI, PM kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.
**Philadelphia** (Pennsylvannia). S-ro Frank L. Fernback, 4817 Beaumont Ave., PI, L kĉl., ankaŭ deziras adreson de S-ro Teodoro Yelimov (Ruslando).

---

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Adresaro de Filatelistoj,** kun mil adresoj, ankoraŭ ne aperis pro nesufiĉa nombro de mendintoj. Mi sincere dankas al delegitoj kiuj afable liveris al mi la adresojn. Prof. Miecz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz.

**Adresŝanĝo.** S-ro Emanuel Rozenstein, Bialystok, Pollando, elveturis Afrikon kaj denove interŝanĝas PM, PI, gazetojn, monojn, monerojn kaj korespondas pri diversaj temoj kĉl. Nepre respondas. La nova adreso: P. O. Box 1148, Cape-Town, Afriko.

**Adresŝanĝo.** S-ro Cortès petas pardonon de siaj korespondantoj, baldaŭ li respondas al ĉiuj: lia nova adreso: T. Cortès Barceló, str. San Bernardo 24, Madrid 8.

**Adresŝanĝoj.** Bonvolu noti novajn adresojn en Lyon: Esperanto-Oficejo, 1 rue Hippolyte Flandrin, Lyon (1er), Grupo Esperantista de Lyon, sekretariino S-ino Farges, sama adreso, delegitino de UEA.

**Artan rememorajon** al la 20-jara jubileo de Loka Societo de GEA en Dresden vi ricevos kontraŭ alsendo de 50 cent. (0,40 RM germ.). Adreso: Dresden-A. 1, Struvestr. 40.

**Artefaritaj lingvoj.** Kiu posedas aŭ konas mondlingvajn verkojn, aliajn ol tiuj de la nomaro en Oficiala Jarlibro 1925, bonvolu komuniki precizan titolon, aŭtornomon, formaton, paĝonombron. Kiu scias pri nepublikitaj reformprojektoj aŭ novaj lingvoj elpensitaj bonvolu informi — por helpi grandan laboron pri ĉiuj mondlingvoj. Helpinto ricevos presitan katalogon de mondlingvoj. Adresu: Bibliografia Servo de UEA, 12 Bd. du Théâtre, Genève, Suisse).

**Artpoŝtkartoj.** Bankoficisto Arno Paul, Zeulenroda (Thür.), Sparkasse, Germanujo, havas 1500 novajn artpoŝtkartojn kaj deziras interŝanĝon kun la tuta mondo. Respondo certa.

**Blindulo!.** Almanako porblindula, tutmonda jarlibro, estas eldonota. Ni tre petas sendi fak-informojn pri blindula movado en via lando. Aliaj gazetoj bonvolu represi. Adresu al la prezidanto de la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj; S-ro J. Benŝahar, World Union of Assoc. for the Blind, 455 West 42 nd Street, New York, USA.

**„Devoj de la Homo".** La Laborista Esperanto-Grupo en Genova sciigis, ke restas ankoraŭ malmultaj ekzempleroj de tiu fama verko de Mazzini, tradukita en Esperanto. Kiu ĝin deziras ricevi, bonvolu pagi almenaŭ sendkoston de 1.50 liroj po ekzemplero. Delegitoj estas petataj trovi plurajn personojn por opa transsendo. Skribu al: S-ro E. Managlia, Casella 922, Genova, Italio.

**Edziĝo.** Juna, germana, katolika instruisto monhavanta serĉas korespondi kun morala fraŭlino aŭ juna vidvino por pli malfrua edziĝo. Laŭ deziro mi estas preta, iri eksterlanden, eble por fondi privatan lernejon aŭ ion similan. Seriozaj proponoj kun lumbildo sendu sub la devizo „Mia feliĉo" al S-ro F. Rockmann, Magdeburg, Sandtorstr. 8, Germanujo.

**Edziĝo ebla.** Meza oficisto, germano 47-jara, deziras korespondi kun bonkatolikinoj. Respondos almenaŭ unufoje. Adresu: UEA por K. D. 3379, 12 Boulevard du Théâtre, Genève.

**Bonan okupadon** ie serĉas komerc- kaj asekuristo. Adreso: S-ro R. E. Jarosch, Breslau 5, Augustastr. 29, Germanujo.

**Eksporto** de nigra sinapo de Bari, granda kvanto je bonaj kondiĉoj. Adresu: Consorzio Agrario, Palazzo S. Gervasio, Potenza, Italia.

**Ekspozicio.** Samideanoj, sendu PI bfl, presaĵojn ktp. por helpi nian propagandan vesperfeston en Marto. Adresu: S-ro I. Patronev, Sv. Vraĉ, Bulgario.

**Filatelistoj!** S-ro Carlo Alessi, acciaierie, Cogne Girod, Case Ansaldo, Aosta, Italio, sendas 50 malsamajn PM kontraŭ sama kvanto de via lando.

**Filatelistoj!** Sendu al mi el via lando PM, vi ricevos de mi samkvante kaj samvalore. Adreso: S-ro Slavko Stepinac, apotekisto, Bjelovar, Sudslavio.

**Folkloro.** Popolajn presaĵojn ĉiulingvajn kolektas page, interŝanĝe, S-ro Tellini, Gombruti 5-II, Bologna, Italio.

**Germana instruisto** serĉas oksemajnan restadon ĉe franca familio por pliperfektiĝo en la franca lingvo. Ofertoj kun prezindiko al Dr. Karl Schüppel, Parchim, Germ.

**Germanino** serĉas francesperantlingvan instruiston, kiu por honorario instruos al ŝi leterŝanĝe, por esperanta ekzameno pri instrua kapableco. F-ino Mathilde Dambacher, Ellwangen a. Jagst, bei Herrn Forstwart Käder, Schönenbergstr. 21, Württemberg, Germanujo.

**Gramofon-Diskoj** en Esperanto parolitaj de D-ro Privat. Petu detalojn senpage ĉe la Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, London W. C. 1, Anglujo.

**„Homara Interkonsento"** serĉas en diversaj landoj oficistojn kaj oficistinojn, kiuj senpage akceptas formi grupojn de „Tutmonda Interkonsento de la Oficistoj". Adresu al S-ro K. Behrle, Liebigstr. 35, II, Berlin O 112, Germanio.

**Inĝenieroj, teknikistoj k. c.*** Ĉiu, kiu interesiĝas pri normigo skribu koncerne detalojn en Esperanto al: Deutscher Normenausschuss, Dorotheenstr. 47, Berlin NW 7.

**Kefir** — palolaktfermentilo, kuracado de intestmalsanoj. Kefir, Corso V. E. 64, Brescia, Italio

**Kiu helpos?** Mi intencas konstrui dometon, ĉar mi loĝas en mizera loĝejo. Do mi serĉas konstrumonon. Kiu havas afablecon helpi min? Bonvolu turni vin al Sr-o Paul Sawatzki en Dannenberg, Elbe, Germanujo.

**Korespondado.** Gekorespondantojn el la tuta mondo deziras Woodseatsa Esperanta Rondo. Interŝanĝos L, PK, gazetojn, propagandilojn ktp. Adreso: Cyril W. Gardner, 35, Moor View Road, Woodseats, Sheffield, Anglujo.

**Korespondo serĉata.** 18-jara junulo deziras korespondadi per PI, L kĉl. Adresu: S-ro Franz Johannes, Aachener Strasse 127, Düsseldorf, German.

**Malnovaj numeroj** de „Esperanto" 228—232 estas serĉataj. Proponojn kun prezo sendu al: S-ro T. J. Guéritte, Plaisance, Claremont Gardens, Surbiton, Anglujo.

**Militperdito.** Kiu scias, kie estas S-ro Max Langberg, naskita 1887 en Ĉernauti, militkaptita 1915 ĉe Przemysl, loĝita en Berezovsk-Perm, poste en Kamen-Tomskoj gub. Skribu al: S-ro Sperling, Marxergasse 52-7, Wien III.

**Propagando.** Por ekspozicio okazonta dum nacia loka kongreso afable sendu PI bfl por helpi al Nord-Holanda Esperanta-Komitato. Ĉiuj membroj de UEA tion faru! Adresu: S-ro J. van Wyngaarden, Assumburgstr. 18, Beverwijk, Nederlando.

**Portugala esperantajo.** Vi sendu unu francan frankon aŭ egalvaloron al Saldanha Carreira, Apartado 104, Lisboa, kaj vi tuj ricevos albumeton kun ok diverskoloraj artmarkoj montrantaj malsamajn portugalajn monumentojn.

**Radio.** S-ro Henri Dubuisson, 18, Rue Bellevue, Le Havre (Francio), vendas ĉiajn aparatojn kaj artiklojn por radiotelefonio, kondensatoroj, transformatoroj, radiomikro-lampoj, laŭtparoliloj ktp. Eksportado al ĉiuj mondpartoj.

**Roma.** F-ino Adelaide Antonelli, Viale Angelico 65, petas samideanojn travojaĝantajn viziti ŝin.

**Roma.** D-ro jur. Bruck, redaktoro ĉe Istituto Internazionale d'Agricultura, Villa Humberto I, Roma, deziras konatiĝi al samideanoj travojaĝontaj Romon kaj volonte estos je ilia dispono. Certa respondo.

**Rozokrucanoj** en ĉiuj landoj. La Harlema studada rondo volas korespondi kun vi. Skribu al S-ro C. Oderkerk, UEA-del., Velsen, Nederlando.

**Scienca Akademio en Petrogrado** kolektas materialon pri la mondlingvo por enkonduki ĝin en siaj internaciaj rilatoj. Estas do grave, se esperantaj societoj subtenas nian aferon en tiu okazo. Oni sendu seriozajn verkojn en kaj pri nia lingvo al: Akademija Nauk, Leningrad, USSR.

**Sudfrancanoj!** Fraŭlinoj deziras libertempi paŝke en privata loĝejo en trankvila vilaĝo sur marbordo de departamento Var kaj petas informojn. C. Osmond, 2 Briarbank Rd., Ealing, London W. 13, Anglujo.

# Kiu deziras bonkvalitan horloĝon?



Dezirante faciligi al la esperantistaro la aĉeton de bonaj svisaj horloĝoj ni interkonsentis kun fabrikisto kaj havas la plezuron proponi novan servon.

Ni elektis zorge de plej bona kvalito 2 modelojn laŭ la subaj bildoj.

N-ro 1 por sinjorinoj



N-ro 2 por sinjoroj



Moderna brakhorloĝo kun plej bonkvalita movo, ankra sistemo, kun 15 rubenoj, tre fortika ujo protektante efike la movon, eleganta kaj bele finita en ĉiuj partoj.

La 2 modeloj povas esti liverataj el oro, arĝento aŭ nikelo. Prezoj estas sube montritaj, ili estas pagotaj kun la mendo.

La horloĝojn ni sendos afrankite, asekurite, ĉiuj elspezoj pagitaj krom la limdepago (dogano), kiu estos pagita de la mendanto ĉe la alveno de la horloĝo.

PREZOJ:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Modelo 1. | Oro 18 K flava | Sv. fr. | 110.— |
| | Oro 14 K flava | „ „ | 90.— |
| | Oro 9 K flava | „ „ | 80.— |
| | Arĝento | „ „ | 60.— |
| | Blanka metalo nikelo | „ „ | 55.— |
| Modelo 2. | Oro 18 K blanka (novaĵo) | Sv. fr. | 195.— |
| | Oro 18 K flava | „ „ | 160.— |
| | Oro 14 K flava | „ „ | 140.— |
| | Oro 9 K flava | „ „ | 120.— |
| | Arĝento | „ „ | 70.— |
| | Nikelo blanka metalo | „ „ | 60.— |

La modelo 2 en oro povas esti liverata kun oraj ciferoj, la plia kosto estas Fr. 25.—. Kun tiu modelo ni sendos 2 pliajn vitrojn senpage. La brakumo havas ŝlosilon oran, arĝentan aŭ nikelan laŭ la ujo.



**Universala Esperanto-Asocio**
**(Komerca Servo)**
**12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando)**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N